# Enhavo

# La unuaj vortoj

***Grego Kay***
***Usono*** 美國

Ni dediĉas ĉi folion al suferantoj de la natura kaj homfarita tragedio en Japanio. Bonvolu akcepti niajn kondolencojn. La ligo inter tajvanaj kaj japanaj samideanoj estas profunda ne nur pro proksimeco, sed ankaŭ pro komunaj spertoj kaj vidpunktoj. Aliflanke ni estas ligitaj je nivelo de atomcentraloj kiujn niaj registaroj elektis kiel „sekuran“ metodon produkti elektran energion. Ĉiuj mezlernejaj studentoj estas informitaj ke niaj landoj situas ĉe pacifika „ringo de fajro“, tamen oni daŭre konstruas atomcentralojn rekte super teraj faŭltoj aŭ ĉe marbordoj de tempo nememorebla frapitaj de cunamoj.

Do nun Japanio ne nur bezonas renormaliĝi post ĉi tiu lasta terura cunamo, sed ankaŭ de sendube pli grava zono de morto kaŭzita de Fukushima atomcentralo. Kiom pli da homoj devas morti de kancero antaŭ ol oni agnoskas ke tiu ĉi „sekura“ energio estas pli danĝera por vivo, pli venena por la tero ol ni homoj povas imagi?

Mi scias ke la kontraŭa ondo nun fortas en Japanio. Ĉu ĝi estos sufiĉe granda por frakasi la avidon de politikistoj kaj aferistoj? Mi ĝuste estis en Japanio dum „akcidento“ en Tokaimura (東海村) en 1999. Homoj sentis indignon kaj volis ŝanĝi sistemon sed la japana registaro denove laboris por komercaj avantaĝoj kaj ne tiuj de la popolo. Krom kelkaj fervoraj kontraŭuloj, ĉiuj forgesis la aferon. Kompreneble la japana registaro ne estas escepto, laŭ mia scio tajvana kaj usona agas same kaj mi eĉ aŭdacus diri ke ĉiu nacia registaro agus same. Ĉu la japana registaro ankaŭ provos forbalai ĉi tiun katastrofon sub tapiŝon? Sendube jes. La vera demando estas: ĉu ni lasos ĝin fari?

Jen nia folio kun verkoj de japanoj kaj nejapanoj pri diversaj temoj ĉirkaŭ tiu tragedio, kiu frapis Japanion.

# Miksitaj sentoj

***Osioka Moritaka*** 忍岡 守隆
***Japanio*** 日本

Unu el la membroj de JELF, Japana Esperantista Ligo Fervojista, perdis siajn domon kaj aŭton, respondis al kolego Uda, la kasisto de JELF:

„Kara, ĉu vi vivas?“

„Jes!“ ŝi respondis telefone semajnon post 3.11.

Kiom ĝojinde por ni 50-jaraj samideanoj de JELF, ke ŝi postvivas, laboras ĉe kliniko kiel flegistino sur sia loko, Ishinomaki. Nia eta Ligo sendis etan monsumon, mi aparte sendis vortaron kaj bildlibron, poste iom plu.

Ne atendite, ŝi donace sendis al mi pakaĵon de frandaĵo el la regiono, kaj mi demandas min kial tiel persistas ŝi el sub la katastrofo?

Sur TV homoj de la regiono respondas al demandoj de amaskomunikilo:

„Mi perdis domon, kaj tri el ses familianoj. Sed mia najbaro perdis ĉiujn de sia familio. Do, li estas pli malfeliĉa ol mi. Mi ne rajtas plori antaŭ li.“ Multaj same diras „pli feliĉe ol aliaj.“ Dume, daŭras kampanjo „Persiste venku japanoj!“

Kaj, homoj subpremas sian profundan malĝojon, kaŝas ĝin en sian profundan koron, ĉu? Mi ne ŝatas nun ĉiutagan kampanjon per „Persiste venku japanoj, Ganbare Nippon!“

Same kiel por la milito antaŭ 66 jaroj.

# Diabla cirklo post la tertremo

***Usui Hiroyuki*** 臼井 裕之
***Japanio*** 日本

*Kiam en 1990 unuafoje mi vizitis Japanion, mi vojaĝis dum 72 tagoj tra la lando kaj faris prelegojn pri Irano (kies revolucio kaj milito kun Irako faris ĝin interesa temo) preskaŭ ĉiun duan tagon. Mi havis diversajn interpretistojn, kiuj japanigis miajn Esperanto-parolojn. Tamen estis nur unu, kiu tute libere kaj facile interpretis min kaj tial mi ne bezonis aŭ paroli malrapide aŭ uzi facilajn vortojn. Kaj feliĉe li ankaŭ plej ofte faris tion, tiel ke ni fariĝis proksimaj amikoj dume. Do jen lia skribaĵo, kiu tamen ne temas pri Irano (kiu spertis detruan militon) sed pri Japanio, kiu spertis alispecan katastrofon.* Reza

臼井 裕之先生是我在日本最好的朋友之一。當我在日本的時候，我在許多地方介紹伊朗。每一次我都需要日文與世界語的翻譯。在不同的地方，有不同的人替我翻譯。而在這麼多的翻譯中，臼井先生是我遇見最好的翻譯人員。現在他想告訴大家，他對於日本最近所遭遇到的世紀大災難的想法。

La ĉi-foja tertremo kaj postsekvinta cunamo ja estis teruraj. Pereis proksimume dudek mil personoj. Frakasiĝis marbordaj urboj kaj vilaĝoj en granda parto de la pacifika Tohoku-regiono. Sed tra la longa historio de Japanio ŝajne ripetiĝis similaj katastrofoj naturaj. Kio nova ĉi-foje estis ke naturan katastrofon akompanis artefarita: nome, malfunkcio de la nuklea centralo Fukushima Daiichi.

Aktivuloj kontraŭ la nukleaj centraloj jam delonge avertis, ke en tia ofte tertrema lando kiel Japanio havi nukleajn centralojn estas danĝere. Kontraŭ-nukleaj voĉoj fortiĝis precipe post la Ĉernobil-akcidento, kaj ankaŭ japanaj esperantistoj iom helpis en tiu opini-fluo, eldonante malgrandan broŝuron pri la akcidento en Esperanto kaj en la japana. (Mi fieras, ke mi estis unu el tiuj, kiuj helpis tradukadon de tiu broŝuro en la japanan.) Sed tiun voĉon facile sufokis grandega sumo de mono, kiun uzis elektraj kompanioj por konstruigi nukleajn centralojn. Nuntempe sur la malvasta terpeco de Japanio sin trovas kvindek kvar centraloj.

Tio eble ne estas aparte japana fenomeno. En la mondo nuntempe estas landoj, kiuj volas evoluigi siajn nukleajn centralojn kaj uzas grandan monsumon por kvietigi la publikon. Kaj denove ne temas pri aparte

japana fenomeno, ke ĉiu registaro, kiu renkontas akcidenton de nukleaj centraloj, volas kaŝi ĝin aŭ almenaŭ malgravigi ĝian signifon. La iama sovetia registaro kaŝis faktojn, kiam okazis la akcidento de Ĉernobil. Estis svedaj sciencistoj, kiuj unue malkovris dubindajn alfluojn de radioaktivaj substancoj el Ĉernobil, kaj la sovetia registaro estis devigita iom post iom konfesi kio okazis. Ĉu Sovetio estis lando aparte maldemokratia kaj ni devas ĝin konsideri escepto? Eble ne. Iom post la akcidento de Fukushima inundo atakis nuklean centralon en Usono, sed la usona registaro ŝajne metis embargon al la raportaro pri la temo.

Ĉu vi tamen opinias, ke ĉiu registaro almenaŭ volas limigi la damaĝon pro la akcidento? Nature, vi dirus. Sed ĉi tie ŝajne estas escepto: el la konduto de la japana registaro mi devas diri, ke ĝi volas eĉ disvastigi la damaĝon!

Freneze, vi dirus. Sed tio estas fakto: en la regiono trafita de la tertremo kaj cunamo tiom amasiĝas konstruaj kaj aliaj rubaĵoj, ke estas malfacile pritrakti ilin surloke. Do, la registaro decidis transporti ilin al aliaj regionoj kaj trakti tie: bruligi tiujn rubaĵojn, se eble, kaj poste fari teron en maro per ili. Tio tamen riskas, ke regionoj origine nepoluciitaj de radioaktivaj substancoj el Fukushima estos artefarite, intence poluciitaj. Unu el miaj eksterlandaj amikoj tute ne povis kompreni tiun politikon kaj ekkriis: „Ĉu por ke ĉiu egale suferu?“ Mi ne volas kredi, ke tion la registaro deziras, sed restas diabla cirklo: ĉu lasi la danĝerajn rubaĵojn tie kie ili estas je malkontento kaj malsano de la tieaj loĝantoj, aŭ transporti ilin aliloken je malkontento kaj malsano de la aliaj loĝantoj. La tria ebleco estas evakui loĝantojn el danĝeraj lokoj, kaj oni ja iom faris tion, sed evakui grandan nombron da homoj tre malfacilas en tiel malvasta lando kiel Japanio. Do la konkludo, kiun oni ne plu povas atingi, estas: ke oni ne estus devinta konstruigi nukleajn centralojn en tia lando.

# Tertremo en 3.11
## 地震來襲的時刻

***Isino Masayo*** 石野 昌代
***Japanio*** 日本

石野 昌代女士熱衷於世界語的各項活動。除了教授世界語課程外，她還是亞洲區世界語雜誌的編輯成員之一，而她的丈夫也是日本世界語協會的祕書長。在以下文章中，她陳述遭受地震襲擊當時，東京慌亂的景象。



Tiam mi sidis ĉe la labortablo kaj parolis kun kolegino. Mi sentis tertremon kaj tuj pensis, ke ĝi baldaŭ ĉesos, ĉar tertremo estas tre ofta en Tokio. Sed la tertremo ne ĉesis. Mi stariĝis kaj pretigis min tuj eliri de la oficejo, kiu estas sur la 9a etaĝo de nenova konstruaĵo. Sed mi ankoraŭ pensis, ke ĝi baldaŭ ĉesos, malgraŭ ke ĝi estas pli longa kaj forta ol iamaj tertremoj.

Pli kaj pli la skuo fortiĝis terure. Ĉu ĉi tiu estas granda tertremo, kiu en Tokio nepre okazos en proksima estonteco? Ĉu vere? Nun ĉi tie trafas min granda tertremo? Ĉi tiu devus esti iu ŝerco, mi pensis. Dume ĉio en la oficejo bruis. Homoj kriis. Rondoforma komputilo rulfalis. Dosierujoj kaj libroj falegis. Mi vidis unu koleginon kuri de la labortablo flanken. Post unu aŭ du minutoj bruege falis granda kaj longa metalŝranko, kaj apogis la tutan pezon sur ŝia labortablo. Se ŝi ne rimarkus fortan kaj neordinaran skuon de la ŝranko, ŝi devus serioze vundiĝi aŭ eĉ morti. La tertremo ankoraŭ daŭras. Mi rimarkis, ke tordiĝinta ŝranko kaj falintaj aĵoj baras nur unu elirejon de la oficejo. Dum la skuo mi demetis la aĵojn kaj puŝis la ŝrankon reen. Mi iel sukcesis malfermi la pordon.

La tertremo pli kaj pli malfortiĝis kaj baldaŭ ĉesis skui. Ĉiuj en la oficejo gapis ŝokite kaj miaj manoj tremis pro forta timo. Iuj serĉis

interrete novaĵon pri la tertremo kaj ni eksciis, ke ĝi naskiĝis en Tohoku. Mi telefonis al miaj gepatroj, kiuj loĝas en malnova domo. Vigla voĉo de mia patrino trankviligis min. Post kelkaj minutoj denove tertremis iom forte. Ni ĉiuj decidis eliri eksteren. Sur stratoj jam estis multaj homoj, kiuj laboras en ĉirkaŭaj oficejoj. Kelkaj el ili surmetis kaskon sur la kapon. Multaj provis kontakti kun iuj per poŝtelefono. Sed ili tute ne sukcesis. Mi povis vidi televidan novaĵon per mia poŝtelefono. Anoncisto diris, ke en la urbo Kesen'numa atakis cunamo 4 metrojn alta. Ni surstrate sentis kelkajn tertremojn. Pli ol unu horon poste la estro de nia oficejo decidis, ke ni ĉiuj tuj hejmeniru. En tiu tago mi venis al la oficejo per biciklo kaj lasis ĝin sur la 9a etaĝo. Mi supreniris ŝtuparon por bicikle hejmeniri kaj malsupreniris kun la biciklo surŝultre, ĉar la lifto de la konstruaĵo ne funkciis. Ĉirkaŭ 30 minutojn mi biciklis al mia loĝejo kaj survoje vidis multajn homojn, kiuj atendas ĉe bushaltejoj aŭ marŝas hejmen.

En mia malgranda dometo el ligno mi trovis, ke ĉiuj tirkestoj de kuirkompleto estas malfermitaj kaj kelkaj malaltaj ŝrankoj delokiĝis. Unu el ili kun radetoj ĉe la piedoj turniĝis kaj montris la dorson fronte. Sed estis neniu damaĝo. Eĉ florpoto sur malvasta spaco ĉe fenestro staris samloke. Post kelkaj horoj mi vizitis proksiman straton, kiu ligas la centron de Tokio kun la najbara gubernio tra la orienta parto de Tokio. Tie mi vidis multajn homojn marŝi orienten silente kaj rapide. Bicikloj de apudstrata vendejo estis forvenditaj.

Je la 23a horo mia edzo hejmenvenis post duhora marŝado.

---

Per vendado de tiu dulingva butikumsako germana helporganizo kolektis monon por Japanio.






# Kiel la marta katastrofo ŝanĝis nian vivon
# 改變我們生活的三月災難

*Yazaki Yoko* 矢崎 陽子
*Japanio* 日本

矢崎 陽子很熱衷於世界語的各項活動，同時也是福島世界語俱樂部的重要人物。我曾經拜訪過她幾次，很榮幸有機會見識到她是如何領導著福島世界語俱樂部完成許多在地或國際化的世界語活動。就大家所知，福島是遭受核能場輻射災害最嚴重的地方，透過她詳細且深入的描述，讓我們能更加了解災難發生當時，當地人在生活上所面臨的困難及他們內心的感受與想法

La 11an de marto 2011 la granda tertremo atakis ankaŭ mian urbon. Tuj poste la elektra sistemo paneis kaj mi kaj mia edzo devis pasigi la nokton sen lumo kaj ni ne povis ricevi novaĵon, ĉar televidilo kaj radioaparato ne funkciis kaj poste nin konsternis la nekredeble terura novaĵo pri cunamo kaj la akcidento de la atomcentralo de Fukushima-dai-ichi.

**Damaĝo pro la tertremo**

Kiam la tertremo atakis nin, mi veturigis aŭton. Reveninte hejmen mi trovis, ke ĉio estis kaosa en la ĉambroj: granda televidilo, teleroj, libroj kaj aliaj falis sur plankon.





La domo ne difektiĝis, sed mi baldaŭ eksciis, ke la domo de la najbara universitato estis detruita.

Krome kelkaj domoj falis teren kaj aperis fendoj sur stratoj.

Mi vidis tie kaj ĉi tie domojn kun difektita tegmento.

La elektra sistemo baldaŭ refunkciis, sed dum kvin tagoj ni ne povis ricevi akvon. Plie mankis necesaj aĵoj, ekz. manĝaĵoj, benzino, k.a., ĉar multaj vendejoj estis difektitaj kaj oni ne povis liveri varojn al mia regiono, ĉar fervojoj kaj ŝoseoj estis detruitaj. Pro tio mi, mia edzo kaj du katinoj rifuĝis al la bofratino en la gubernio Gunma kaj restis tie de la 18a de marto ĝis la 2a de aprilo. Kompreneble ni timis ankaŭ pri la influo de la akcidento de la atomcentralo. Ni povis apenaŭ veturi al Gunma aŭte kiel rifuĝintoj, ĉar tiam nur savantoj rajtis veturi sur ŝoseoj.

**Influo de radioaktiveco**



Tio, kio minacadas mian ĉiutagan vivon eĉ nun estas radioaktiveco. Reveninte hejmen el Gunma, mia edzo aĉetis radioaktivec-detektilon kaj observas radioaktivecon. Rezulte de tio ni replantis gazonon kaj purigis kelkajn lokojn ĉirkaŭ mia domo.

Sur gazono estis 3,44 µSv/horon. Ja estas tre granda cifero. Sur la nova gazono estas 0,18. Multaj gepatroj tre timas, ĉu radioaktiveco damaĝos la sanon de iliaj gefiloj, kaj infanoj surmetis ĉemizon kun longaj manikoj kaj maskon (malgraŭ tio ke tiam estis somero).







La urba registaro decidis forpreni surfacon de ĝardenoj de ĉiuj lernejoj dum somerferio kaj la 27an de septembro la registaro decidis, ke oni purigos ĉiujn domojn en la urbo, sed la loko, kien oni metos la malpuraĵon, estas ankoraŭ ne decidita.



Kiam okazis la akcidento de la atomcentralo, multaj homoj devis tuj rifuĝi el sia urbo aŭ vilaĝo sen detala klarigo de la registaro kaj multaj bestoj estis forlasitaj, ĉar homoj pensis, ke ili povos baldaŭ reveni hejmen. Laŭ statistiko de la gubernia registaro Fukushima tri mil bovoj, tridek porkoj kaj sescent kokinoj estis lasitaj interne de la cirklo kun 20 km da radiuso ĉirkaŭ la atomcentralo kaj plej multo el ili mortis pro malsato. Kiel kruele! La paŝtisto kaj la agrikulturisto laboras kaj vivas sur sia tero, kaj ili ne povas forlasi ĝin, aŭ ili perdos ĉion. Tiel multaj homoj vivas kun granda ĉagreno.

La akcidento de la atomcentralo damaĝis la riĉan teron kaj malpurigis la belan naturon en la gubernio Fukushima kaj detruis la pacan vivon de la loĝantoj. Mi volas laŭte krii, ke ni ne bezonas atomcentralon nek elektron produktitan per ĝi.

## Travivaĵoj kiel volontulo
### 我在災難現場的志工經驗

***Kawagoe Hitoshi*** 川越 斉史
***Japanio*** 日本

當川越 斉史得知災難發生時，他一心只想馬上前往災難現場幫助災害的處理。他暫停了他的工作前往災區，並在那裡停留了數個月。在那裡他不僅協助災害後續的處理工作，同時也以攝影的方式詳細記錄了災區的情形。以下是他在災難現場工作的經歷及所拍攝的照片。

Mi vizitis la urbon Sendai dufoje kiel volontulo por helpi lokan restariĝon, unuafoje en la 13a de aŭgusto, kaj duafoje en la 14a de oktobro. Kial mi vizitis la urbon? Kiam la tertremo okazis, mi sentis

grandajn kaj longajn tremojn ankaŭ en mia oficejo en la centra Tokio. Ĉiuj trafikoj tiam mortis, kaj tre multaj devis rezigni reveni hejmen, kaj elteni noktan malvarmegon sub vintra ĉielo. Sed tamen ege pli grava mizero atakis la teron de Tohoku. Fakte tio estis katastrofo.



Giganta cunamo, kiun oni neniam vidis, avide englutis ĉion sur la tero. Ĝi englutis aŭtojn, ŝipojn, domojn, bestojn, homojn kaj eĉ ankaŭ kampojn kaj karajn hejmlokojn. Oni poste informis, ke pli ol 15 mil forpasis, pli ol 4 mil perdiĝis pro la katastrofo. Kiel nenion fari rigardinte detruitajn vivojn de travivantoj? Ili laŭlitere perdis la tuton. Mi volis fari ion por ili. Sed mi ne sciis, kiel kaj kion fari. Mi rete serĉis informon pri volontula agado, sed dum printempo oni informis, ke la damaĝitaj urboj tiam ne kapablas prepari aferojn por ricevi volontulojn. Al la urboj mankis eĉ ĉiutagaj necesaĵoj: akvo, manĝaĵoj, medikamentoj, litoj, necesejoj, kaj ankaŭ loĝejoj ktp. ktp. En somero mi bonŝance trovis en la reto, ke unu neprofita organizo kolektas volontulojn por Tohoku, kaj mi decidis partopreni en ĝi.

Tiu neprofita organizo nomiĝas Green Bird [http://www.greenbird.jp], kaj fondiĝis en majo de 2003 en la urbo Harajuku, Shibuya, Tokio. Ĝi origine aktivas por purigi urbojn kun jena moto: *Pura urbo ankaŭ faras homan koron pura.* La organizo havas 33 branĉojn. Kaj unu el ili estis en danĝero, ĉar ĝi troviĝis ĝuste en la urbo Sendai.

Oni informis, ke la sumo de damaĝitaj aŭtoj en la prefektujo Miyagi atingis 146 mil jam en la 30a de Marto. La nombro estas ĉirkaŭ 10 procentoj de registritaj aŭtoj en la prefektujo. Kaj Instituto de Geografiaj Studoj de Japanio [GSI: http://www.gsi.go.jp] publikigis analizon, ke 443 kvadrataj kilometroj da tereno subakviĝis pro la cunamo en la kvar prefektujoj de la regiono Tohoku. Inter ili la plej damaĝita estis Miyagi

kun 326 kvadrataj kilometroj. Kaj grandaj ondoj de la cunamo kovris pli ol 56 procentojn de la kvartalo Wakabayashi, Sendai, Miyagi.

Mi ja iris tien, al la kvartalo Wakabayashi en la mezoj de aŭgusto kaj oktobro.

Antaŭ la aktivado aliaj volontuloj kaj mi vizitis la areon Arahama en la kvartalo. La granda cunamo atakis tie, kaj multaj loĝantoj malsukcesis eskapi, ĉar la kvartalo aspektas vaste ebena. Pro tio oni trovis la lokon kiel bonaj rizejoj, legomejoj kaj similaj agrikulturaj kampoj. Tamen tio kaŭzis malfeliĉon tiam. Nur tiuj, kiuj sukcesis eskapi al la loka elementa lernejo, povis travivi la katastrofon. La ondegoj kovris ĝis la antaŭlasta etaĝo de la lernejo, tial homoj devis kolektiĝi sur la lasta etaĝo kaj la tegmento. Ili devis atendi matenon sub frosta vintra nokto en la 11a de Marto 2011. En la sekva tago oni trovis sur la tero pli ol 200 kadavrojn. Nun tie estas ruinoj tiel, kiel vi vidas sur la fotoj, kiujn mi fotis en la mezo de oktobro. La kvartalo aspektas tiel, kvankam jam pasis 7 monatoj de post la afero. Kiam mi unuafoje trapasis sur vojoj en Arahama, mi ne povis spiri pro kordoloro, ĉar tie, ĉie ĝis la horizonto, neniom da domoj troviĝis krom la bazoj. Kiel multege da perdo okazis tie? Multaj el ili ankoraŭ ne povas vivi tie, kie ili jam de longe loĝis, perdis siajn geamikojn, najbarojn, konatojn, eĉ familianojn kun karmemoraj aferoj.



En la kvartalo estas loka volontula grupo, kiu nomiĝas ReRoots [http://reroots.nomaki.jp]. La membroj de la grupo konsistas el plejparte studentoj de tieaj universitatoj, junaj kompanianoj kaj aliaj, kiuj perdis sian laborejon. Ankaŭ ili estas travivintoj de la katastrofo. Ili fondis la grupon en rifuĝejo en la 18a de Aprilo 2011. Ili opinias, ke la registaro klopodis

doni provizorajn loĝejojn al travivintoj, sed ne rimedojn por vivi en estonto. Kaj ili do helpas, por ke la loĝantoj reprenu siajn vivrimedojn.



La membroj de ReRoots kaj Green Bird kune klopodis fosi legomejan teron de unu loka sinjorino por depreni ŝtonojn, rokojn, metalpecojn, frakasitajn vitrojn de rompitaj fenestroj de aŭtoj kaj domoj, ktp, ktp. Iu trovis en tero unu foton de nekonataj loĝantoj. Neniu sciis, ĉu la fotitaj personoj ankoraŭ vivas aŭ ne. Alia elfosis rompitan brak-horloĝon, kiu jam neniam montros ĝustan tempon... La sinjorino donis al ni ĉiuj malvarmajn trinkaĵojn por refreŝiĝi en nia ripozo. Ŝi eĉ donis glaciaĵojn, kiujn ŝi bicikle iris por aĉeti al malproksima vendejo. Post la laboro la ĉefo de ReRoots rakontis, ke ankaŭ ŝi perdis parencojn, kiuj loĝis en Arahama... Ĉiuj tieaj loĝantoj esprimas multajn dankojn al ni. Kiel mi povus ĉesigi vizitadon, kvankam la loko ankoraŭ tute ne restariĝis?

Sed ne nur malfeliĉoj ĉiam. Mi jam trovis ankaŭ briletojn de espero. Mi trovis verdajn foliojn de legomoj en la kampo, kie ni helpis en Aŭgusto. Kaj ReRoots poste informis sur sia retejo, ke semoj komencis ĝermi en la legomejo, kie ni helpis en oktobro. Certe tiuj estas tre etaj ŝanĝoj. Grupoj de klopodantoj ne povas rapide ŝanĝi multon. Sed tio sufiĉas, ĉu ne, se la afero fariĝas iom post iom pli bona. Ni ne povas esti kiel la cunamo. Ni povas helpi paŝon post paŝo por revivigi iliajn vunditajn hejmlokojn al la iama formo. Mi jam decidis ankoraŭfoje viziti en la fino de venonta Novembro. Tie mi probable revidos multajn geamikojn, kiuj celas la saman esperon.

# Mia peto al simpatiemuloj
# 請同情我們生活的環境

***Gotoo Hitosi*** 後藤 斉
***Japanio*** 日本

後藤 斉是一位很重要的世界語院士，他所編製的日文 /世界語字典影響了許多使用世界語的人。災難發生過後，他認爲大家只投注所有的心力在遭受災害的人們身上，卻忘了關心因災變而消失的大自然美景。

Kiel unu el la suferantoj de la tertremo, mi estas tre danka al tiuj, kiuj afablis montri simpatiemon kaj helpemon al suferantoj. Iuj alsendis kuraĝigan mesaĝon, iuj bonvolis donaci monon, el kiu mi ricevis kun danko konsiderindan sumon, kaj aliaj penis mem viziti la regionon por volontule servi. Mi plenkore dankas la simpatiemulojn. Bonvolu permesi al mi tamen esprimi etan peton al ili.

Post la katastrofaj tertremo kaj cunamo en marto 2011 en ĵurnaloj kaj televidoj abundis fotoj de la atakantaj cunamoj kaj ruinigitaj terenoj. Jes, oni ja devas scii kaj memori la faktojn kaj el ili ĉerpi instruon.

Plene konsciante tion, mi ofte havas maltrankvilon spekti tiajn bildojn. Loĝante sufiĉe malproksime de la marbordo, mi ne sentas specialan ligitecon kun specifa ĉemara loko, kiu estis batita de la cunamo. Mi ne havas iun parencon aŭ amikon, kiu pereis en la cunamo. Mi tamen konas kaj amas la belecon de la marbordoj de la regiono, jen rokecaj kaj krutaj, jen sablaj kaj glataj.

Kiel averaĝa japano, mi ŝatas marajn manĝaĵojn: fiŝaĵojn, marfruktojn, marherbojn ktp. De tempo al tempo mi vizitis marbordajn urbetojn kaj vilaĝojn por ĝui la pejzaĝon kaj gustumi lokajn frandaĵojn. Fakte mi iam vizitis preskaŭ ĉiujn lokojn laŭ la orienta marbordo de la nord-orienta Japanio, kiuj estis atakitaj de la cunamo.

La bildoj de la cunamo ja estas kredeble ŝokaj por multaj homoj, sed eĉ des pli ŝokaj por mi, ĉar multaj lokoj estas por mi karmemoraj. Mi malŝategas, ke simpatiemuloj konas nur la ruinigitajn pejzaĝojn de la lokoj.

Mi estas tre danka al vi, foraj amikoj, se vi bonvolas peni ekkoni almenaŭ kelkajn lokojn. Ilia origina beleco estis multloke difektita de la cunamo, sed iam ni certe retrovos ĉarmon de unuopaj lokoj.

**Minami-Sanriku (Sizugawa),** 南三陸　(志津川)

Statuo de Moai kaj monumento de kondoro estis donacitaj de la ĉilia registaro al la urbeto en 1991, memore al la 30a datreveno de granda cunamo en 1960. Kaŭzite de tertremo apud Ĉilio, la cunamo torentis trans la Pacifiko sur la regionon. La Moai-statuo, alta je 3.5 metroj kaj peza je 20 tunoj, estis lokita en apudmara parko kaj fariĝis simbolo de la urbeto. La tuta urbo estis forbalaita de la ĉi-foja cunamo, kaj ankaŭ la statuo suferis fortan baton kaj la kapo estis forportita 50 metrojn foren. Kafejo (maldekstra foto), situanta sur alta klifo, povis apenaŭ eviti la baton.





**Matusima,** 松島

Signifanta laŭlitere „pinaj insuloj“, Matusima (aŭ Matsushima), situanta 25 km oriente de Sendai, estas tradicie kalkulata kiel unu el la tri pitoreskaj pejzaĝoj de Japanio. La insuloj feliĉe suferis relative mal-grandan damaĝon de la cunamo, ĉar, kiel la desupra rigardo al la insuloj kaj golfo montras (foto sur paĝo 16), la insuloj formas naturan baron kontraŭ cunamoj. Konkuloj, precipe pektenoj kaj ostroj, estas famaj produktaĵoj kaj frandaĵoj de Matusima. Konkul-kultiva industrio suferis grandan baton de la cunamo.





**Kita-Ibaraki,** 北茨城

Varma poto de lofiaĵo (鮟鱇) en Hirakata (平潟), fiŝista haveno situanta 200 km sude de Sendai, estas tre fama frandaĵo de la regiono. Mi vizitis malgrandan restoracion apud la marbordo 12 tagojn antaŭ la tertremo. Mi eksciis poste de surreta ĵurnala raporto, ke la mastro pereis en la cunamo. Sesangula pavilono (六角堂), konstruita de Okakuraensin (岡倉天心), gvidanto de artista movado kaj la aŭtoro de *Libro de Teo*, sur klifo de la marbordo Idura (五浦), estis forportita en la maron.





後藤　斉

津波の被災地のほとんどを訪れたことがある。被災後の瓦礫だらけの光景としてだけ知られることには耐えられない。以前の美しさも知ってほしい。南三陸、松島、北茨城

# Tragedio kiu ankoraŭ daŭras

***Aleksandra Watanuki***
***Pollando* 波蘭 *– Japanio* 日本**

*Dum mia 10jara restado en Japanio mi ne nur havis multajn japanajn amikojn, sed ankaŭ eksterlandajn kiel Joel, Klivo kaj Aleksandra. Ŝi estis unu el la plej aktivaj en la japana Esperantujo, kaj ŝia ĝoja kaj entuziasma karaktero allogis preskaŭ ĉiujn. Jen ŝia raporto pri la tago de la tertremo en Tokio kaj aliaj sekvaj aferoj.* Reza

„Ĉu eblas por mi fariĝi plenkreskulo? Se mi ekhavos kanceron, mi eble mortos antaŭ tio...“ – skribis infano el Fukushima en sia letero al japana registaro. Tio montras, ke la tragedio, kiu komenciĝis en Japanio en la 11a de marto, ankoraŭ ne finiĝis...

En tiu tago mi estis en mia Tokia domo kaj ripozis sur la dua etaĝo. Iom alkutimiĝinta al tertremoj mi ne tuj leviĝis, sed post momento la tremo aperis tiel serioza, ke mi ekstaris kaj elkuris el la ĉambro al la ŝtuparo. Sed eĉ tie mi ne sentis min sekura, do post momenta hezito en piĵamo mi elkuris el la domo... Tie mi renkontis najbarinon, same timigitan, same en hejma vestaĵo. Ni ambaŭ tenis telefonilojn, tamen dum preskaŭ unu horo ne eblis kontakti iun ajn. Tremoj daŭre ripetiĝis kaj ripetiĝis, frenezige, tute ne eblis trankviliĝi.

Post iom da tempo mi kuraĝis iri al la dua etaĝo. Bildoj falis de la muro, spegulo renversiĝis, aĵoj elfalis el bretoj – tamen grandaj mebloj restis firmaj.

Katoj timigitaj kaŝiĝis, dum longa tempo ili ne povis trankviliĝi.

Japanoj kutime estas bone preparitaj kontraŭ tertremoj. Ili fiksas meblojn al muroj kaj algluas etajn objektojn sur bretoj al mebloj. Ili preparas rifuĝ-sakojn kaj ne metas pezajn aĵojn apud lito. Al mi, homo naskita en regiono, kie tertremoj ne okazas, tiaj alkutimiĝoj mankas.

Plurhore mi sidis antaŭ televidilo plene vestita, kun sako en mano, preta por elkuri ĉiam ajn. Nokte mi dormis sidante antaŭ la televidilo.

Kaj en televido kreskis la koŝmaro. Kvazaŭ iu terura sciencfikcio! Domoj movitaj per granda cunamo, detruitaj vojoj, vendejoj, loĝejoj... en unu momento rompitaj miloj da homaj vivoj. Mi rigardis kiel hipnotizita ne povante kredi ke ĝi estas realo. Sed la kvanto de viktimoj daŭre kreskis...

Dum kelkaj tagoj mi sentis min rompita. La timo, kaŭzita de la tertremo kaj maltrankvilo pri la sekvaj tremoj iom malgrandiĝis, sed informoj venantaj el televido estis korŝiraj. Mi komprenis, ke Japanio jam neniam povas esti tia, kiel antaŭe... Amikoj, vidante min tute ŝokita, daŭre ploranta antaŭ televidilo proponis, ke ni ekskursu. Vizito al la monto Fuji, kiu daŭre fiera, senŝanĝa, impresas per sia beleco, trankviligis min iom.

Sed la etoso de maltrankvilo dume ne malaperis eĉ en Tokio. Oni disigis la regionon en partojn, ĉe kiuj en diversaj periodoj po tri horoj estu haltigita elektro. Trajnoj daŭre veturis limigite. Tokianoj atendis taksion, kaj ili venadis unu je dudek minutoj... Antaŭ benzinstacioj videblis longaj vicoj. La kvanto de vendata benzino estis limigita.

Dume la informoj el televido estis daŭre maltrankviligaj. Daŭre estas timo pri la eksplodo de atomcentralo... Homoj komencis prepariĝi por la plej malbona kazo. En vendejoj malaperis ĉiutagaj bezonaĵoj. Malplenaj vendejaj bretoj rememorigis min pri la stato dum la socialisma periodo en Pollando...



Dume la televidaj programoj pri la viktimoj en la regiono Tohoku ekhavis homan vizaĝon. Oni komencis montri tragediojn de unuopuloj, kaj tio estis eĉ pli terura... Al kamerao komencis paroli homoj enfermitaj amase en rifuĝejoj. Homoj, kiuj perdis ĉion. Oni montris gepatrojn, kiuj perdis ĉiujn siajn infanojn, maljunulojn,

kiuj estis senigitaj de domoj, en kiuj ili travivis sian tutan vivon, disigitajn familiojn... Por tiuj homoj la vivĝojo mortis en tiu tago, kaj ni ne scias, ĉu ĝi iam reviviĝos?

Sed ĝuste en tiaj momentoj testiĝas la homa karaktero. Kaj japanoj trairis tiun teston bonege. Krom la ŝokiĝo pri la tragedio, mia plej forta rememoro el tiu tempo estas la granda impresiĝo pri la japana popolo. En la momento de krizo japanoj vere kondutis brave kaj admirinde.

Al la damaĝitaj lokoj tuj ekveturis teamoj de savantoj, ankaŭ volontulaj. Japanoj en aliaj regionoj komencis fervoran ŝparadon de elektra energio, kolektadon de monhelpo por suferintoj ktp. Dum la ora semajno en majo amaso da homoj spontane veturis al nordo por helpi. En aliaj landoj eble aperus ankaŭ homoj, kiuj dezirus profiti de la tragedio, rabi la forlasitajn posedaĵojn aŭ priŝteli la senhelpajn rifuĝintojn – sed ne en Japanio. Mi admiris, kiel la popolo solidarece batalis kontraŭ la naturo.

Iom diference bedaŭrinde aspektas la sinteno al la problemo de atomcentralo. La registaro daŭre ne donas klaran respondon al la popolo, pri la fuŝiĝo de ĝisnuna kredo en la sekureco de tiaj elektroproduktejoj. Daŭre oni ne povas bone orientiĝi, kiom granda estas la skalo de damaĝo. La loĝantoj de la norda parto de Japanio daŭre vivas en malcerteco, kaj eĉ en Tokio oni fojfoje trovas radioaktivajn substancojn kaj regule devas mezuri radioaktivecon de manĝaĵoj.

En la komencaj tagoj polaj amaskomunikiloj ege interesiĝis pri la katastrofo. Ankaŭ mi estis kelkfoje intervjuita kaj pridemandita. Sed – kiel kutime – laŭ la paso de tempo la intereso de la mondo turniĝas al aliaj aferoj. Kaj la viktimoj restas solaj kun siaj rompitaj vivoj...

Mi esperas, ke la monda popolo kaj ankaŭ la japana registaro memoros, ke la problemo de miloj da homoj ne estas ankoraŭ solvita. Mi esperas, ke la tragedia atesto pri nedependebleco de atomcentraloj ne estos forgesita. Kaj mi volas kredi, ke Japanio kiel fenikso reviviĝos mirinde el cindro – ĉar mirinda lando ĝi estas, Japanio.


REPORTAŻ

**Ola wierzy, że Japonia, którą pokochała, szybko podźwignie się ze zniszczeń po trzęsieniu ziemi.**

To miał być zwykły, spokojny dzień. Nie planowała żadnych spotkań biznesowych, żadnych telefonów. Wyspała się, wzięła późną kąpiel, zaczęła się ubierać i nagle poczuła, jak trzeszczą ściany i drga podłoga. Jakby nie była w domu, tylko w raptownie hamującym wagonie.

Ola poznała męża na spotkaniu esperantystów. To język bardzo popularny w Japonii. Jego znajomość ułatwiała jej życie, dopóki nie nauczyła się japońskiego

**Przeżyłam trzęsienie ziemi**

Kilka godzin po trzęsieniu ziemi ukazało się wydanie specjalne „Gazety Tokijskiej" ze wstrząsającymi zdjęciami zniszczeń w regionie Tokio



**Na szczęście moi przyjaciele przeżyli**

AGATA BUJNICKA

„Mi transvivis tertremon“ - artikolo pri Aleksandra en pola gazeto

## Kiel la japana tertremo aspektis al kolkatano

***Probal Dasgupta***

***Barato*** 印度

Mi loĝas en Kolkato, kiu estas proksima al la marbordo kaj situas sur nesekura, ne vere solida grundo. La longperspektiva stabileco de nia urbo estas tute malcerta. Sed la gubernio Okcidenta Bengallando, kies ĉefurbo ĝi estas, senŝancele traktadas ĝin kiel la eternan centron de sia tuta vivo.

Dum la vizitoj al Japanujo en 1982 kaj 2001 mi ricevis la impreson, ke la tiulandaj arkitektoj lernis metodon por tute sekure konstrui, tiel ke la tertremoj ĉesis esti atentinda problemo. Tial mi imagis fortan kontraston inter mia riska urbo kaj la modele senriskigita fizika infrastrukturo de Japanujo. Ankaŭ pri la atomcentraloj en tiu lando mi supozis la samon.

Tial por mi la ĉefa malkovro, ekde la tertremo en Japanujo, estis tute alia kontrasto. Montriĝis fakte ne tiom fizike sekuregaj la domoj, urboj, atomcentraloj en Japanujo. Sed elstare sekura oni trovis la socian infrastrukturon de la japanoj. La kontrasto estis do ne inter „ili kaj ni“, sed inter la fizika kaj la socia infrastrukturoj de la japanoj. Mirinde flegme kaj kun rigora atentemo kaj tujeco reagis al la tertremo kaj la cunamo ne nur la profesiaj helpistoj kaj administristoj, kiuj ĉiam pretas alfronti urĝajn aŭ krizajn situaciojn, sed ankaŭ la ordinaraj civitanoj.

Grandegajn perdojn oni devis elteni, sed sen tiu mirinda kapablo trateni tiel gravan krizon evidente la japanoj estus spertintaj centoble pli da perdoj. Ni samtempe funebru la mortintojn, bedaŭru la vunditojn, la detruitajn hejmojn kaj rimedojn, kaj priĝoju la altan nivelon de la homa reago al la krizo.

Devos lerni de tiu harda sperto ne nur la japanoj, sed ni aliaj. Oni multe parolas pri la lecionoj, kiujn ni lernas de tio, kio okazis al la atomcentraloj. Sed temas ankaŭ pri la vivstiloj kaj loĝlokoj konsidere al la naturaj riskoj. Ni en Kolkato ensorbas la lecionojn niaperspektive, kion vi povas facile imagi. Mi intence emfazas la lokan karakteron de niaj reagoj. Ni ĉiuj vivas sub riskaj kondiĉoj, kaj pensas al niaj propraj specifaj vundebloj kiam ni vidas aliajn sperti tiel spektakle detruan naturkatastrofon. Ni solidaras universale, sed devas agi konkrete kaj loke, fortigante la instituciojn de niaj propraj socioj.

## La nuklea katastrofo

***Wang JuKwei*** 王九逵

Ĉi-jare je la 11a de marto, katastrofo falis sur Fukushima, Japanio. Estis tertremo kaj cunamo. Malgraŭ iliaj severo, ili estis multe malpli gravaj ol la nuklea katastrofo, kiun ili kaŭzis. Post la nuklea akcidento en Ĉernobilo, Ukrainio en 1986, oni kredis, ke la tekniko tiel antaŭeniris, ke nukleaj katastrofoj eviteblus. Sed tertremoj kaj cunamoj estis pli fortaj ol homa teknologio, kaj la homo neniam povas venki la naturon. Tri nukleaj reaktoroj en Fukushima tuj bruliĝis, kaj la radiacia indekso kreskis de la normala po 0.2 mikrosivertoj ĉiuhore (μSv/hr) ĝis 10, kiu estis la supra limo de la mezurilo. La nukleaj falaĵoj atingis la malproksiman okcidentan marbordon de Usono. 140 mil loĝantoj estis evakuitaj de nordorienta Japanio. Neniu en la mondo kuraĝis aĉeti la poluciitajn produktaĵojn el Japanio. Sekve, la ekonomio de Japanio estis influita. Estas malfacile taksi la nombron de mortigitoj kaj vunditoj, ĉar la efiko estas longtempa.

Ni rigardu la nuklean situacion en nia lando, Tajvano. Ni havas tri nukleajn elektrocentralojn, kaj unu plian sub konstruo. Ĉiuj kvar uzas la

saman teknikon de elektra generado kiel la japanaj. Ĉiuj kvar centraloj sidas sur aŭ apud tertremaj zonoj. La registaro decidis plilongigi la servodaŭron de la unua kaj dua centraloj kaj ne ĉesigi la konstruon de la kvara. Plue, malsame de la japana kondiĉo, niaj elektrocentraloj estas tiel proksimaj de metropoloj, ke se katastrofo okazus, milionoj da loĝantoj bezonus esti evakuotaj, kio estas preskaŭ nefarebla tasko.

Ne nur en Tajvano, sed en la tuta mondo, miopaj registaroj konstruas kaj funkciigas nukleajn elektrocentralojn, kiuj ne nur estas nocaj al la uzantaj nacioj sed ankaŭ al la tuta mondo, ĉar neniu povas antaŭdiri, kiam katastrofo, pro natura aŭ homfarita kaŭzo, okazus. La katastrofo ĉe Fukushima estas nia ĝustatempa averto.

## tremoj

tremas
la ter'
omene
la mar'
cuname
l' atom'
tumore
la hom'

Jorge Camacho
5.4.2011

# Fukushima estas ĉie

***Sabine Hauge***
***Germanio*** 德國

En 2002 socialdemokrata-verdula registaro decidis, ke iom post iom, unue la plej malnova kaj fine la plej moderna, la 17 germanaj atomcentraloj malŝaltiĝu, tiel ke la lasta ĉesu funkcii ĉirkaŭ la jaro 2022.

En aŭtuno 2010, malgraŭ multaj protestoj, kristan-demokrata-liberala registaro ŝanĝis tiun decidon: la lasta centralo funkciu ĝis 2036.




Fukushima estas ĉie: malŝaltu atomcentralojn tuj!
Manifestacianto en Germanio

En junio 2011 la sama registaro malŝaltigis 8 centralojn kaj deklaris, ke la restaj 9 sekvos ĝis 2022.

# Maksimuma dozo

***Manfred Westermayer***
***Germanio*** 德國

La japana registaro taksas 20 mSv/jare kiel tolerebla eĉ por junaj infanoj; en Germanio 20 mSv/jare estas la maksimuma radiada dozo por homoj kiuj profesie laboras en radioaktiva areo.

Intertempe oni trovas mezureblajn kvantojn da stroncio eĉ en Jokohamo kaj plutonio en distanco de 80 km de Fukushima. Oni planas purigi grandan areon, 8000 km² (do, 90 km × 90 km) pere de formeto de 5 cm de la grundo.

Sed oni ne scias kien meti tiun amason da radioaktiva grundo.

# Granda homa familio

*Mirejo Grosjean*
***Svislando*** 瑞士

Raportoj de Hori Jasuo bone kaj efike informis Esperanto-medion.

La dek unuan de marto 2011 aŭdiĝis ĉe la radio pri giganta katastrofo en Japanio. Poste venis raportoj en ĵurnaloj kaj televidoj. Ni povis vidi terurajn bildojn. Ni iom povis supozi pri la ŝoko en Japanio mem, pri mortigitaj homoj, pri disŝiritaj familioj, pri vunditoj, pri detruitaj domoj kaj aliaj havaĵoj.

La saman tagon venis raporto de Hori Jasuo el Japanio. Li havis la informojn tra la japana gazetaro. Ni havis la informojn tra internaciaj kanaloj. Komence Hori san raportis trifoje tage. Tio ebligis al ni sekvi la evoluon de la esploro pri mortintoj kaj malaperintoj kaj pri la nuklea katastrofo en Fukushima. En novembro li nuntempe raportas meznombre dufoje semajne. Tiuj raportoj estas tre tre valoraj, temas pri rekta kontakto kun la tuŝita lando. La komparo inter la novaĵoj japanaj kaj la internaciaj estas tre interesa por ĉiu el ni.

Hazarde mi havis en marto kontakton kun loka ĵurnalisto. Parenteze li diris al mi: certe vi havas rektajn informojn pri Japanio. Mi jesis. Tio estas pozitiva punkto, ke profesiuloj pri informado konsciiĝas, ke ni esperantistoj havas nian reton, kiu povas utili por transdono de iu informo.

Komence tuj post la katastrofo mankis kelkaj esperantistoj, ĉiuj en Japanio kaj ekster ĝi eniris en timon: eble ili mortis aŭ malaperis. Finfine post plena semajno Japana Esperanto-Instituto anoncis, ke ĉiuj donis iun vivsignon. Kelkaj tute ne povis fari tion tuj pro manko de elektro, de telefona aŭ reta konekto. Do pozitiva punkto: ĉiuj pluvivas. Tamen kelkaj perdis familianojn kaj havaĵojn. Kaj por ĉiuj niaj gesamideanoj la vivo fariĝis malfacila. Hori san en sia malfeliĉa humoro ekverkis poemojn, kiuj plej bele esprimas lian tristan senton. Neniam la mondo estos sama kiel antaŭe, la antaŭa mondo aspektas kiel bela revo.

Mi sekvis la novaĵojn kun tristeco, mi zorgiĝis kaj zorgiĝas pri la nuklea katastrofo. Kaj mi pensis: se mi neniun konus en Japanio, mi vivus pli feliĉa kaj senzorga… Se mi simple restus hejme kaj brodus zorgante pri kelkaj enĉambraj plantoj kaj pri mia kato, mi ne estus same trista. Sed mi elektis aparteni al tiu granda homa familio, do ĉar ofte ie estas katastrofo, mi kunsuferas kun miaj tieaj geamikoj. Kiam ili ĝojas, mi ĝojas. Kiam ni renkontiĝas, ni ĝojas kune. La vivo alportas feliĉajn kaj malfeliĉajn momentojn.

---

## *Raportoj de Hori Jasuo, kortuŝaj kaj informriĉaj*

Hori Jasuo, japana Esperantisto elstara kaj tre aktiva, tuj post la tertremo kaj cunamo komencis verki taglibron, kiu tuŝas koron de multaj Esperantistoj tra la mondo. Li daŭre ĝisdatigas pri novaĵoj kaj foje ankaŭ verkas poemojn kiuj montras lian senton en tiuj malfacilaj momentoj:

Vivo antaŭa,
fore en mia memor',
fariĝis kvazaŭ
utopio belega
en forega montaro.

その前を思い起こせば遥かなる桃源郷にいた気持ちする

Ĉu diletantoj
povas dande promeni
en printempa pluv'?
Malfacila elekto
en la nuklea epok'.

春雨に濡れていけるか風流人昔になかったつらい選択

La raportoj ĝis fino de majo aperis libroforme:
Jasuo HORI: Tertrema Katastrofo de Japanio 2011 (14,10 € ĉe UEA),
pliaj legeblas sur la retpaĝaro de SAT:
http://www.satesperanto.org/-Taglibro-de-nia-Kamarado-Yasuo-.html

# Japanoj modele alfrontis la katastrofon

***Erin Piateski***
***Usono*** 美國

La tertremo okazis en Japanujo dum la usona nokto, do mi ne aŭdis pri ĝi ĝis la mateno, kiam mi atingis la laborejon kaj mi eklegis la retajn gazetojn. La forto de la cunamo estis apenaŭ kredebla. Mi paroletis kun miaj kolegoj pri la novaĵoj; kelkaj trovis filmetojn en la reto, kaj mi memoras ke ni kune rigardis tiun nekredeblan filmeton en kiu la cunamo trafas la flughavenon de Sendai. Mi sendis mesaĝojn al miaj amikoj en Japanujo, por demandi ĉu ĉio estas en ordo ĉe ili kaj ĉe iliaj familioj. Bonŝance, neniuj trafiĝis. En la postaj tagoj, mi informiĝis ke ĉiuj japanaj esperantistoj travivis la katastrofon, kaj tio estis tre plaĉa novaĵo. Mi legis multajn artikolojn pri la tertremo kaj la posta cunamo, kaj mi sentis fortan veon je la raportoj ke maljunuloj aparte forte trafiĝis de la cunamo, ĉar ili ne povis eskapi. Mi pensis pri miaj propraj geavoj kaj mi sciis ke ili ne havus fizikan forton por permesi ke ili fuĝu.

Mi sciis ke la japana popolo devos laboregi por rekonstrui ĉion. Sed mi sciis, sen dubo, ke ili sukcesos fari tion. Estis interese por mi, kiam mi legis pri la lokoj en kiuj loĝis sendomigitaj loĝantoj de lokoj kiuj damaĝiĝis de la cunamo. Ili zorge tenis ĉion pura, eĉ en mizeraj cirkonstancoj; ili forprenis siajn ŝuojn ĉe la pordo; ili havis malmultegon por manĝi, sed ili akceptis tion sen plendoj. Mi pensis pri la konduto de usonanoj en similaj cirkonstancoj, kaj mi havis iujn dubojn, ĉu la afero estus same ordigita kaj senplenda. Pro tio mi havas grandan respekton por la japana popolo. La katastrofo estis tre granda, sed pro la bona preparado de la japana registaro, kaj la edukado de la loĝantoj pri kion fari okaze de mara tertremo, mi scias ke multege da vivoj sukcesis saviĝi. Estis kelkaj evidentaj mankoj en la planoj, ĉefe rilate al la nuklea centralo ĉe Fukushima. Sed sendube la japanoj mem lernos de tio kaj plibonigos la strukturon por la estonteco. Same, la cetero de la mondo lernos de la japanoj.

Dum la somero, ni havis senteblan tertremon en Vaŝingtono. Tertremoj estas ege maloftaj en ĉi tiu regiono, kaj multaj personoj neniam sentis ilin. La tertremo, kiu okazis meze de nia labortago, ne estis tre forta, sed

ĝi damaĝis la urban katedralon, kaj ĝi estis facile sentebla. En regiono kiu ne kutimas sperti tertremojn, sed kiu ja spertis teror-atakojn, kiam oni laboras en konstruaĵo, kaj ĉio skuiĝas, multaj personoj tuj suspektas teror-atakon. Multaj laborantoj fuĝis de siaj konstruaĵoj. Ni informiĝis poste ke tio estis precize la malĝusta reago; oni devas ŝirmiĝi ene de la konstruaĵo. La reago estis iom malorda, ĉar malkiel la japanoj, ni ne estis edukitaj pri kion fari. Tamen oni ja ion lernis de la okazaĵoj en Japanujo. Oni tuj raportis pri la stato de la plej proksima nuklea centralo, kiu aŭtomate malŝaltiĝis kiam la tertremo sentiĝis.

## Kreaĵoj trovitaj post la cunamo

***Anneke Schouten***
***Nederlando*** 荷蘭

Kiaj strangaspektaj estaĵoj vivas en la profunda maro!

Kiel ĉiu scias, la cunamo en sudorienta Azio estis katastrofa kaj rilate pereon de homaj vivoj, kaj ekonomie.







Tamen, dum purigado inter la ruinaĵoj troviĝis bestoj, kiuj normale vivas tro profunde en la maro por scienca esplorado. Ilin la ondegoj ĵetis surborden.

# Vojaĝo tra Koreio

***Dancina*** 黃淑美

*Post ŭonbulisma seminario en Koreio en kiu partoprenis 9 tajvanaj Esperantistoj, Dancina kaj Ingrid vojaĝis tra Koreio dum ĉirkaŭ 10 tagoj. Jen raporto de Dancina pri tiu vojaĝo kaj impresoj, kiujn ŝi ricevis.*

這是我首次入境韓國且首次參加韓國世界語冥想研習會,活動日期是 2011 年 01 月 09 日至 01 月 12 日止，我在韓國多停留 9 天(都是旅遊)。

Ĉi tie mi raportas pri mia unua vojaĝo en Koreio por partopreni la 6an Internacian Esperanto-Renkontiĝon de meditado inter la 9a kaj la 12a de januaro 2011.

**8a de januaro**

Jam malhelis, kiam je la 7a vespere ni naŭope venis de Tajvano al Incheon-a Flughaveno, kie Lee Jungkee kun siaj studentoj bonvenigis nin.

Kia surprizo! Ĉirkaŭ la flughaveno neĝo amasiĝis! Malgraŭ la malvarmo, ni diligente fotis, ĉar neĝo malofte videblas en Tajvano.

Ni buse veturis al la Ŭonbulisma Templo en la urbo Iksan, kie multaj homoj kun grandaj kaj malgrandaj aŭtoj estis atendantaj nin. Ĉar nia grupo estis granda kun multaj pakaĵoj, ni devis laŭvice nin ŝtopi en la aŭtojn. Estis ĉirkaŭ la 11a nokte kiam ni atingis la cel-lokon.



Leciono pri farado de koreaj patkukoj

**9a ĝis 11a de januaro**

La tempo de matenmanĝo estis inter 7:30 kaj 8:30, poste ĉiuj manĝaĵoj estis formovitaj. Ni devis en peza vestaĵo zorgeme promeni laŭ glacikovrita pado al la je 200 metroj fora manĝejo. La etoso tiel trankviligis nin en koro, ke ni sentis nin kiel veraj religiuloj.

La aktivecoj dum tiuj tri tagoj estis abundaj, inkluzive de prelegoj, instruaj ludoj, metioj, kuirarto, meditado, interkomunikado, vizito al la eksa kaj nuna ĉefabatoj, kaj manĝo en la templa manĝejo (aŭtentikaj koreaj manĝaĵoj kun multaj bovloj kaj teleroj).

La malalta temperaturo en Koreio refreŝigis min, speciale kiam neĝis. La neĝo aperis kiel kotono. Neĝeroj, kiuj flirtis sur mian korpon, sendis min en belan feujon.

**12a ĝis 14a de januaro**

Post la ŭonbulisma renkontiĝo Ingrid kaj mi volis resti pli longe en Koreio. Kristalo, Perlo kaj Brila indikis sian volon gastigi nin. Antaŭe mi maltrankvilis pri la aranĝo de la naŭtaga vojaĝo, sed s-ro Reza ĉiam konsolis nin, dirante „Sen problemo!“ Nun ni scias, ke li pravis!

Tagmeze de la 12a ni ekvojaĝis al la hejmo de Kristalo en Hapcheon.

S-ro Park estas lernejestro de Ŭonkeong Supera Mezlernejo en Hapcheon, Kristalo estas instruistino pri mastrumado, kaj s-ro Arbo estas ĝia viclernejestro, kiu loĝas proksime. Neatendite Arbo invitis nin loĝi en sia nova ligna domo. Esperantujo estas kaj interesa kaj trankviliga!



Tosto je Esperanto kun Park kaj Kristalo

Dum la unua vespero ili invitis nin baniĝi en la publika virina banejo. Por mi tiu korea kutimo estis la unua nova sperto.

Post la 13a ni estis gastigitaj de Arbo. Li kondukis nin viziti filmfabrikon, kie ni vidis diversajn scenejojn kaj konstruaĵojn de diversaj dinastioj. Vespere ni manĝis en la restoracio de lia edzino. Mia impreso pri la koreaj virinoj estas, ke ili estas bonaj edzinoj kaj patrinoj.

Matene de la 14a ni vizitis budhistan templon, kie ni vidis dekmil lignajn sutrojn, kaj la biblioteko ankaŭ estis konstruita el ligno kun bona

ventumo. Tio estis mia dua nova sperto en Koreio. Poste ni kune ekskursis en montaron kaj piknikis, kvazaŭ ni estis de la sama familio.

La 15an, Folio, la instruistino pri matematiko, regalis nin ĉe sia hejmo, ĉar ŝiaj du amindaj filinoj volis koni nin la fremdulinojn. Ni ne antaŭarANĝis la sekvontan vizitejon, Pusan, sed lastmomente ni trovis, ke Kristalo jam aranĝis ĉion por ni.

**15a kaj 16a de januaro**

En Pusan la Esperantistoj Pako kaj Cigno venis renkonti nin. Ni vespermanĝis en la restoracio de la bela edzino de Esperantisto Boko, kie ĉeestis ankaŭ sep-ok Esperantistoj el Pusan. Laŭdire ili kutime kunsidas, kune kantas kaj kune ludas Esperante kaj tial ili ĉiuj flue parolas.

La 16an Nema veturigis nin al la muzeo ĉe Gyeongju. Koreio estas tre malvarma, kaj ni ŝaltis varmigilon en la aŭto. Tio estis tre malsama de nia varma hejmloko, Pingtung, kie oni nur uzas la malvarmigilon en la aŭto, neniam la varmigilon.

Sur la revojo mi subite vidis, ke suno kaj luno samtempe aperas ĉe malsamaj lokoj de la ĉielo. Eble tiu miraklo estis pro nia geografia loko. Post vespermanĝo ni promenis en Pusan, kaj trovis piedmasaĝejon. La masaĝisto invitis min eniri. Mi diris „Ne!“ Esperante. Sed li daŭrigis la invitadon. Ĉies rido embarasis min. La signifo de „ne“ en korea lingvo estas efektive „jes“!

**17a kaj 18a de januaro**

La 17an ni iris al Taegu. Tie ĉe la stacio ni vidis de malproksime bonvenigan signon en Esperanto. La geedzoj Paŭlo kaj Teresa estas Esperantistoj, kiujn ni du neniam renkontis. Sur la vojo al ilia hejmo mi petis Teresan helpi min aĉeti seruron por mia valizo, ĉar mi perdis la malnovan. Tio estis unu el la okazoj dum la vojaĝo. Mi perdis la seruron, mi perdis mian ĉapelon kaj retrovis ĝin, kaj mia kamerao fojfoje paneis pro la malvarmo!

Reveninte, ni iris en la altklasan publikan banejon, la tielnomata „hanjeungmak“, kiun niaj amikoj menciis al ni en Tajvano. Estis multaj kaj diversaj ekipaĵoj tie.

Ni tranoktis en la hejmo de Nah, kiu estas sekretario de la Taegu-Filio de la Korea Esperanto-Asocio kaj invitis nin por renkonti lian edzinon Lumo kaj la filon, kiuj ankaŭ estas Esperantistoj. Kvankam mi ne flue parolas Esperante, tamen post tiuj ĉi tagoj, mi pli facile komprenis kaj interkomunikis. Plue en fervoro povas degeli malintimo. Tia estas la ĉarmo de Esperanto!

Dum tiuj du tagoj ni vizitis fabrikon de kupraĵoj, katolikan preĝejon kaj muzeon pri naturaj sciencoj. Vespere Paŭlo kondukis nin al la kunvenejo de Esperantistoj, kie ni parolis kun kelkaj veteranoj.

**19a de januaro**

En Taejeon Perlo jam atendis nin. Bangalo kovrita de neĝo similis domon en felando. Ĉar ili tenas hundon, ni bedaŭrinde ne kuraĝis iri elen por fotografio. La kapabla Perlo faris kukon por ni. Ankaŭ ili cedis sian dormĉambron al ni – kion ni poste eksciis. Tiaj estas la geesperantistoj.

**20a kaj 21a de januaro**

Nia sekvonta vizitejo estis la ĉefurbo Seulo. La edzo de Perlo estas atleto pri tekvondo. Per siaj fortaj brakoj li portis niajn pakaĵojn al la stacidomo. Perlo helpis nin meti la pakaĵojn en la pakaĵujojn, kiujn oni povas malfermi nur per sia fingra premsigno. Estas avangarda tekniko.

Estas antaŭa kaj malantaŭa elirejoj ĉe la stacidomo de Seulo. Ni eliris de la malantaŭa elirejo kaj ne povis renkonti Brilan, kiu atendis nin ĉe la antaŭa elirejo. Bonŝance Perlo jam telefonis al Brila pri la alvenhoro de la trajno, kaj ni du povis eviti la danĝeron de perdiĝo.

Metinte la pakaĵojn en la aŭton, ni vagis en ĉiovendejo apud la Seula stacidomo, lernante pri la prezo kaj modo de koreaj varoj.

La senco de direkto mankis ĉe la brila Brila, kaj ni devis provi memorigi la vojojn, tiel, ke ni povis baldaŭ veni en la hejmon de Brila. Metinte la pakaĵojn en ŝian hejmon, ni veturis per buso tra la urbo. La kvartalo-nomoj en Seulo finiĝas en -dong. Ekzemple, la oficejo de s-ro Lee Jungkee (Seula Esperanto-Kulturcentro) estas agrabla ĉambro en Myangdong.

Glitkurado estas populara saniga sporto por koreoj de ĉiu aĝo. Vidante maljunulojn, junulojn kaj infanojn eniri la glitkurejon, mi nur povis envii, ĉar mi ne lernis glitkuron.



Brila kondukis nin en templon. Unuafoje mi vidis la subĉielan pentejon kun multaj pentantoj. Pro malalta temperaturo, mia kamerao ankoraŭfoje paneis.

Pretere ni vizitis Honestan en ŝia oficejo. Ŝi estas sekretario de la Esperanto-Asocio kaj kapablis trakti siajn dosierojn dum parolado kun ni.

**22a de januaro**

Je la fino de nia vojaĝo ni tranoktis en la kunvenejo de instruistoj. Matene je 5:30 ni trovis, ke neĝas. Ni kiel du frenezulinoj elkuris por esti kisataj de neĝo kaj por fotografadi. Mirinde estas, ke ni renkontis neĝon en Koreio nur dum la unua tago kaj la lasta!

## *E.SHA Epoko* en la Komuna Kongreso
## 藝霞年代於韓日聯合世界語大會上放映

***Lee Jungkee*** 李仲琦
***Koreio*** 南韓




De la 7a ĝis la 9a de oktobro 2011, okazis Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio en la urbo Seongnam apud Seulo, Koreio, en kiu partoprenis 147 el Koreio, 339 el Japanio, 11 el Ĉinio, Rusio kaj aliaj landoj (sume 497 homoj). Tia komuna kongreso okazis por la unua fojo en Azio kaj ĝia granda sukceso donas bonan modelon al aliaj landoj en Azio kaj eĉ ekster ĝi fari similajn eksperimentojn.

2011 年 10 月 7 日至 9 日，日韓聯合世界語大會在韓國首爾附近的城南市舉行。這次會議有 147 位韓國人，339 位日本人及 11 位中國、俄國及其它國家的人參加，總計參加人數是 497 人。在亞洲是首次舉辦這種聯合大會，它的圓滿成功，可以提供其他亞洲國家甚至世界上其它國家作類似交流時提供良好的範例。

Unu el la programeroj de la kongreso estis faka kunsido pri *E.SHA Epoko*, kiun perfekte kaj lerte prezidis s-ino Cho MyungJa (Ĝoja) el Koreio, anstataŭ tajvana partoprenanto kiu ne povis ĉeesti la kongreson.




大會中的一項主題會議是「藝霞年代」，因爲台灣代表未能出席這次大會，改由韓國的 CHO MyungJa (Ĝoja) 女士主持。

Sub ŝia prezido, Ĝoja kaj Lee Jungkee prezentis skize la kialon de okazigo de la faka kunsido. Ili akcentis, ke la filmo *E.SHA Epoko* estas parto de Esperanto-kulturo. Kvankam ĝia enhavo ne rekte rilatas al Esperanto, tamen oni povas ĝui la filmon pere de Esperanto-versio. Ĉirkaŭ 30 kongresanoj partoprenis la kunsidon.

在她的主持下，Ĝoja 和李仲琦說明主題會議的意義，並強調「藝霞年代」這部電影是世界語的文化資產。雖然電影的內容和世界語沒有直接關係，但我們可以藉世界語之助來看電影。大約有三十人參加這次主題會議。

Post la enkonduko, oni spektis la filmon, sed pro manko de tempo ne povis ĝui ĝin plene de komenco ĝis la fino. Tamen Ĝoja sporade montris la filmon tre adekvate kaj teknike laŭteme, tial oni povis almenaŭ kompreni la mesaĝon, kiun la



filmo intencas doni. Spektinte la filmon, la ĉeestantoj ĵetis demandojn kaj fine aĉetis la DVD-on je 10 ekzempleroj.

簡介之後大家開始看電影。由於時間關係不能從頭看到尾，但 Ĝoja 按照題材選出適當的片斷，因而能使觀眾把握到電影所要表達的重要情節。放映結束後，大家發問，並購買了十部 DVD。

Persone, delonge mi aŭdis pri la filmo kaj eĉ renkontis la reĝisorinon Hsueh ChangHui (Waro), kun kiu mi tagmanĝis kun mia amiko Reza dum mia vizito al Tajvano en la jaro 2010. Pro teknika problemo de mia portebla komputilo, mi malsukcesis ĝui la filmon, tial honeste dirite, mi mem ne vidis la tutan filmon ĝis la faka kunsido. Post la spekto mi rimarkis, ke la filmo estas tre signifoplena ne nur por tajvananoj, sed ankaŭ por aliaj esperantistoj. La filmo instruas, kiom gravas konservo de la historia kultura heredaĵo kaj renovigo de la iam forviŝita spuro. Mi mem kortuŝite kaj serioze aprezis la filmon eĉ kun larmo. Jen mi forte rekomendas la filmon al esperantistoj, kiuj ankoraŭ ne gustumis ĝin.

我本人很久以來便聽說這部電影了，而且見過其製作人。在 2010 年我到台灣時，曾由我的朋友 Reza 陪同和導演薛常慧 (Waro) 女士午餐。由於我的筆記型電腦的技術性問題，我未能成功地看這部影片。所以，誠實地說，直到主題會議以前，我都沒看過全部影片。看完之後，我認爲這部電影不但對台灣人有意義，並且對整個世界語界都有意義。它告訴我們保持歷史文化遺產並更新其已喪失的陳跡有多麼重要。我看電影時，倍受感動，甚至含着淚水。我願鄭重地把這部電影推薦給還沒看過它的世界語界的朋友們。

Profitante tiun ĉi skribaĵon, mi esprimas mian plejan respekton al la reĝisorino Waro kaj al mia longtempa amiko Reza, kiu kune kun prof. Wang JuKwei (veterana tajvana Esperantisto) tradukis la subtekstojn de la filmo en Esperanton. Kompreneble, mi ankaŭ dankas al Ĝoja, kiu tiom zorge aranĝis la fakan kunsidon malgraŭ nebona sanstato.

能從這部電影受益，我向製作人 Waro 女士，和我的多年老友 Reza 致謝，他和台灣的已退休的世界語者王九逵教授共同編譯電影的世界語字幕。當然我也要感謝 Ĝoja, 她在身體不佳的情況下，如此努力安排這次主題會議。

## Dulanda rendevuo en Pingtung!

***Lee Jungkee*** 李仲琦
***Koreio*** 南韓

한국의 온뜻학교 어린이 5 명과 지도교사, 한국 역사 학자 그리고 서울 에스페란토 문화원장은

2011 년 12 월 2 일부터 12 월 6 일까지 핑퉁을 방문하여, 어린이들과 일반 에스페란티스토들과 교류를 갖고, 앞으로 서로의 친교를 위해함께 노력하기로 하였다.

**2-a de dec: Varma akcepto, malgraŭ malfrua alveno**

Mi kaj 7 aliaj koreaj Esperantistoj (5 geknaboj kaj du plenaĝuloj, instruistino Subira kaj s-ro Radiko) veturis al Tajvano pro la unua dulanda renkontiĝo inter geknaboj pere de Esperanto.

Malgraŭ malfrua nokta alveno ĉe la flughaveno Kaohsiung, jam pluraj Esperantistoj (Reza kaj lia filino Ailin, Kevin, Dancina, Ingrid, Rico kaj Ĉevalo) atendis nin. Ni ĉiuj iris al la domo de Reza por teo-trinkado kaj interkonatiĝo.

**3-a de dec: Vojaĝo al Kenting, bela marbordo**



Frumatene, ni ekis al la bela regiono Kenting per buso, en kiu kolektiĝis ĉirkaŭ 40 Esperantistoj kaj iliaj familioj.

Veturante al la regiono, oni mikrofone sinprezentis kaj konatiĝis unu kun la alia. Mi unuafoje renkontis eminentan Esperantiston prof. Manlai (konata kiel Manlajo), kiu zorgas la retejon *lernu.net* por ĉinoj. Mi multon lernis de li, ekzemple kiel funkciigi la retejon kaj engaĝiĝi en diversaj eroj, kiuj troviĝas tie.

En Kenting, tre bela marbordo kaj fama, mi plene ĝuis la gigantan akvarion, en kiu naĝis nekredeble diversaj fiŝoj, iuj tre grandaj, kaj kreskis riĉaj maraĵoj. Estis tre agrabla turismo kun freŝa maretoso.



Reveninte de la ekskurso, en la hejmo de Reza ni havis feston por Subira, kies naskiĝtago hazarde ĝuste estis tiu tago. Ĉiuj gratulis ŝin kun granda kuko kaj kanto, eĉ pluraj donacoj. Mi kaj Subira surpriziĝis pro tio, ke Reza kaj Pingtung-aj samideanoj silente kaj nerimarkeble aranĝis la feston, en kiu oni kantis naskiĝtagan kanton en Esperanto, ĉine kaj eĉ koree, pri kio la tajvananoj antaŭe praktikis!

**4-a de dec: Folklora muzeo kaj Zamenhofa Festo**

Matene ni vizitis la folkloran Hakka vilaĝon. Estis tre bona ŝanco por senti la iaman kulturetoson de la popolo Hakka, kies radikoj estas en la sudo de Ĉinio. Tagmanĝinte en la vilaĝo, ni vizitis la domon de s-ino Flora, kies edzo Mobo estas eksa piloto kaj iam lernis Esperanton.



Abengo desegnas dumekskurse

Regalite de la geedzoj per bongustaj teo kaj fruktoj, ni direktiĝis al la Komunuma Universitato, en kiu okazos Zamenhofa festo. Laste Reza komencis instrui Esperanton en la universitato por civitanoj, tial la Esperantistoj de Pingtung povis lui iom luksan klasĉambron por la festo.

La festaj programeroj estis buntaj; „Kio estas Esperanto?“ fare de Kevin, „Mia vojaĝo tra Koreio“ fare de Dancina, „Mia profesia Esperanto-vivo“ fare de Lee Jungkee, „Koreio – nia najbara lando“ fare de prof. Abengo, „Prezento de korea elementa lernejo“ fare de Subira kun sinprezento kaj kantado de 5 koreaj geknaboj, „Aerobiko-praktiko“ gvidata de Chen YaWen, kaj kelkaj komunaj kantoj.

Kvankam la urbo estas eta, tamen la Zamenhofa festo estis tre enhavriĉa kaj kortuŝa. Mi kuraĝe diru, ke la urbo Pingtung estas la ĉefurbo de Tajvana Esperantujo.

**5-a de dec: Vizito al lernejoj, kie estas kursoj de Esperanto**

Unue, je la 8-a horo ni vizitis la eksperimentan elementan lernejon, kiun frekventas Ailin, filino de Reza, kaj en kiu Esperanto estas instruata de Reza al 14 lernantoj de 5a kaj 6a gradoj. En la renkontiĝo, geknaboj tajvanaj kaj koreaj prezentis sin kaj interŝanĝis memoraĵojn, kio estis tre unika kaj rara renkontiĝo en Esperantujo, se paroli pri elementa lerneja kampo. Mi esperas, ke tiaj renkontiĝoj okazos regule inter du lernejoj.

Adiaŭinte la lernejon, ni vizitis la mezaltan lernejon Pingrong, en kiu Reza instruas Esperanton al 27 kaj anglan lingvon al pli ol 500 studentoj! En la lernejo, ni havis agrablan renkontiĝon kun tieaj Esperanto-lernantoj kaj malgraŭ la malsama aĝo de la du grupoj de lernantoj ili ĝoje kune babilis kaj interŝanĝis donacojn.

Feliĉe ni havis ŝancon renkonti la lernej-estron, kiu tre afable traktis nin. Krome en la lernejo ni vizitis la bibliotekon kie estas dekoj da Esperantaj libroj kaj aliaj aĵoj Esperantaj.




**6-a de dec: Aborigena muzeo kaj kontraŭ-vola adiaŭo!**

Adiaŭa tago, sed bonŝance nia aviadilo flugis je la 16-a kaj 35, tial ni havis tempon viziti la aborigenan vilaĝon, kiu troviĝas proksime de

Pingtung. La vilaĝo estas tre unika kaj la artoprezentado de la loĝantoj donis amuzon kaj vekis scivolemon pri tiama ilia kulturo.

Dank' al akompano de Kevin, Dancina kaj Ingrid, ni sekure kaj ĝustahore atingis la flughavenon Kaohsiung, en kiu jam prof. Abengo kaj Amy atendis nin.

Dum nia restado 5-taga en Tajvano, ni koreaj Esperantistoj plene ĝuis la tempon dank' al sincerplenaj kaj gastamaj tieaj gesamideanoj.

Mi certe revizitos Pingtung en la venontjara Zamenhofa festo, kiu ŝajne denove okazos en Pingtung.

## Koreoj festis kun Esperantistoj de Tajvano 世界語文化節與韓國朋友同樂

***Prof. Cho Chaoming – Abengo*** 阿明哥報導

Zamenhof-festo 2011* en Pingtung okazis la 4an de decembro en la eta kongresejo de Pingbe-a Komunuma Universitato. Pli ol 40 homoj partoprenis en la festo. Inter ili estis ok gastoj el Koreio.

今年的世界語文化節於十二月四日下午在屏東市屏北社區大學舉行。有四十多人參加，其中包括八名來自韓國的世界語朋友。這是慶祝世界語創始人柴門霍夫大師生日的活動，是全世界世界語者的共同盛會。在台灣高雄屏東地區的世界語者每年都會舉辦柴誕節，或叫世界語文化節。

La festo komenciĝis je la 2a horo. Reza inaŭguris ĝin kaj menciis gratulmesaĝojn de kelkaj al nia festo, ekzemple de: Park Wha-Chong (prezidanto de Korea Esperanto-Asocio), Chuck Smith (fondinto de Esperanta Vikipedio), prof. P. V. Ranganayakulu el Barato (kasisto de KAEM), Osioka Moritaka (prezidanto de Hiroshima Esperanto-Centro), Henry Masson (konata franca aktivulo).

* Laŭ nia kutima ritmo tie ĉi devus aperi raporto pri ZF 2010. Tamen, pro aktualeco ni decidis raporti pri la ĵus okazinta festo. Pri la antaŭa Zamenhof-festo vi trovas informojn ĉe:
http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/espero/zf-2010/

這個大會於下午兩點起開始舉行。大會開始由定居在屏東的伊朗籍世界語老師 Reza 向大家問好，介紹來賓，並閱讀來自世界各地世界語名流的賀詞，例如：來自韓國世界語協會主席 Park Wha-Chong，世界語版維基百科建立人 Chuck Smith，印度 Ranganayakulu 博士，日本廣島世界語中心的 Osioka，法國世界語好友亨利・馬誦

Unue Kevin Shih prelegis pri Esperanto ĉefe al kelkaj vizitantoj de la festo, kiuj unuafoje aŭdis pri la lingvo. Inter la gastoj estis du policanoj de Pingtung-a polico kaj instruisto pri angla lingvo John Sonderland el Usono.

首先由施驊恩先生以中文配合投影片介紹世界語，因爲今天有幾位貴賓初次接觸世界語，對世界語還不太熟悉。這些貴賓包括屏東市警察局外事科的警官楊學文和林采萱，以及來自美國的蘇德嵐老師等。

Post la enkonduko la partoprenantoj kantis kune jenajn kantojn: *Esperanto estas la lingvo por ni* (laŭ la melodio de *My Bonnie lies over the ocean*) kaj *Kio okazos, okazu* (Esperanta versio de *Que sera, sera*).

聽完演講之後，大家一起唱世界語歌曲。所選唱的有兩首，一首是 Esperanto estas la lingvo por ni，另一首是世事多變化(Kio okazos, okazu)。這兩首歌的歌詞都是由英文流行歌曲改編的。

Post la kanto Dancina prelegis pri sia vojaĝo al Koreio post seminario pri meditado en la ŭonbulisma centro en Iksan. Ŝia kunvojaĝintino Ingrid faris Esperantan interpreton. Ili esprimis miron pri la vigla Esperanto-movado kaj la gastamo de koreoj.

唱歌之後由黃淑美(Dancina)以中文報告參加韓國圓佛教冥想 研習會及會後自助旅行的經驗，由 Ingrid 翻譯成世界語。韓國世界語者的熱誠接待使她們很感動，韓國世界語運動的活躍更使她們讚嘆。

Sekve korea gasto Lee Jungkee raportis pri sia sperto en Esperantio. Por Esperanto kaj per Esperanto li jam vizitis 72-foje diversajn landojn. Li estas eks-prezidanto de KAEM kaj estro de Seula Esperanto-Kulturcentro. En la centro li jam donis pli ol 240 Esperanto-kursojn. Prof. Manlajo interpretis lian prelegon.

接著請我們的韓國來賓李仲琦教授介紹世界語在他生命中所扮演的角色。他是前任亞洲世界語運動委員會的主席，爲世界語運動出國七十二次。而他主持的首爾世界語文化中心已經開班授課 240 次。其演講由游萬來教授即時翻譯。

Yvonne (Chen YaWen), juna instruistino pri jogo, gvidis la ĉeestantojn fari aerobikan dancon akompane de agrabla muziko. Ĉiuj sekvis ŝin vigle. Post la gimnastiko estis teo-paŭzo. Oni rigardis la libro-ekspozicieton kaj aĉetis lernolibrojn, abonis Esperantajn gazetojn (ekz. Beletra Almanako, Juna Amiko, Formoza Folio) aŭ pagis la kotizon de UEA-membreco. Certe la tempo estis bona ŝanco por praktiki Esperanton kune.



至此演講暫時告一段落。爲了使大家活動筋骨，我們請一位世界語初學者，專業的瑜珈老師引導會眾一起做太極舞和有氧舞。大家就在會廳裏認真的運動起來。之後是大約二十分的休息時間。大家在走廊喝茶，吃小點心；也可以參閱世界語書展或購買世界語學習書籍或訂閱世界語刊物（Beletra Almanako, Juna Amiko, Formoza Folio），加入環球世界語協會(UEA)當會員。在此時間是彼此練習世界語的大好機會。

Post la paŭzo progresis la festo al la dua etapo. Unue korea instruistino Subira enkondukis sian alternativan lernejon Lernejo Ondd kaj siajn junajn lernantojn, kiuj venis kune al Tajvano por Esperanta kultura interŝanĝo. Ili nomiĝas Esperante (sur la foto de maldekstre): Ĉefo, Klara, Bluo, Ĉielo kaj Akvo. Klara estas bela kaj la sola ino inter la 5 geknaboj. Ŝi estis tre populara en Tajvano ĉie, ĉar ŝi ne nur plej bone inter ili parolis Esperanton, sed ankaŭ ĉie povis komuniki kun neEsperantistoj per angla kaj japana lingvoj. Ŝi jam decidis sian estontan profesion: Tradukisto!



La geknaboj kantis du kantojn. La unua kanto estis verkita de juna knabo Lee EunMin (Akvo), kaj la alia estis *Do Re Mi*, kanto el la filmo *The Sound of Music* (La sono de muziko) en Esperanta versio.

休憩之後進入第二段的活動。首先由韓國全志小學老師 Subira 介紹韓國森林小學（온뜻학교는 http://cafe.naver.com/ondd ）及該校的世界語教學和此次來訪的五位小朋友，他們世界語名字分別叫：Akvo, Bluo, Ĉefo, Ĉielo 和 Klara。其中只有 Klara 是女生，長得很甜美可愛；男生 Ĉielo（天）長得很酷；男生 Akvo 很聰明，會寫詩歌和作曲；另兩名男生 Ĉefo 和 Bluo 看起來就像天才兒童。他們的年齡大約都只有十歲。老師請小朋友自我介紹和合唱世界語的歌。小朋友唱的第一條歌是 Akvo 的詩和曲，歌詞由 Subira 由韓文譯成世界語，曲名叫小小春天 (Printempo estas Eta)。小朋友唱的第二首歌是電影"真善美"的曲子 Do Re Mi，用世界語歌詞唱出。他們的表演非常自在，也許韓國代案小學（森林小學）的學生沒有功課壓力，表現自然自在而有活力。

Jen la unua kanto:

Printempo estas eta
pro komenco
homo, kiu iras
al kampo printempe
scias ke,
printempo estas eta
semo eta
ŝoso eta
se mi iras al veninta
printempo
mi povas scii
en sunbrila kampo
ĉiuj estas etaj
ankaŭ homoj estu etaj
mi volus
ankaŭ homoj estu etaj
mi volus

봄은 작다
시작이어서
봄에 밭에 나가 본
사람은 안다.
봄이 작다는 것을
씨앗도 작고
그 싹도 작고
봄이 온 밭, 밭 봄에
나가면
알 수 있다.
봄 볕 가득 밭봄에
모두가 작다
모든것이 작다
사람도 밭 봄에는 작
아지면 좋겠다.
사람도 밭 봄에는 작
아지면 좋겠다.

第一首歌的歌詞：

春天小
新春開始
郊遊者知道
春天小
種子小
嫩芽小
走向春郊
定可知道
光照田野
萬物皆小
我願人小
我願人小

Tradukita de Subira, la instruistino de la lernejo Ondd

Fine Abengo prelegis pri „Koreio: nia najbara lando“. Li prezentis gravajn informojn pri Koreio kaj la viglan Esperanto-movadon, resumis la vivon kaj kontribuojn de koreoj en Tajvano. Li parolis Esperante, sed lia prezentado sur ekrano estis en tri lingvoj: korea, ĉina kaj Esperanta. Ĉiuj povis kompreni sen interpreto. Li jam lernis la korean lingvon por unu jaro kaj pasis la bazan nivelon de ekzameno de korea lingvo (TOPIK). La prezentado estas elŝutebla je lia retejo ĉe: http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/espero/ , kie ankaŭ troviĝas Esperanto-Ĉina Vortaro, Esperanto-movado en Tajvano ktp.

最 後由 Abengo 上台以世界語介紹韓國文化，韓國世界語運動，以及在台灣的韓國人等。他的投影片是中文，韓文和世界語三種語言對照，因此演講時不需要翻譯。Abengo 最近一年勤學韓語，已經通過 TOPIK 韓語能力初級檢定，因此他能製作有韓文的投影片。從他的網站(http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/espero/ )可以看到包括前五年台灣世界語文化節的報告，也可以下載他編著的世界語詞典，世界語教科書和世界語名詩翻譯等。

Pro manko de tempo la preparita Esperanta ludo ne povis okazi. La festo finiĝis je la 5a horo ptm. Ĉi-jara Zamenhof-festo estis riĉa en la etoso de Azio kaj Tutmondo. Partoprenantoj estis el ses landoj (Tajlando, Germanio, Usono, Irano, Tajvano kaj Koreio). La kvin geknaboj el Koreio plijunigis la feston kaj la ĉeesto de tri profesoroj Wang, nia traduk-maŝino de ĉina literaturo, Manlajo, la zorganto de *lernu!*-paĝaro de Tajvano (kiu ankaŭ ĉiutage tradukas ĉinen la *Vorton de la tago*) kaj Abengo, nia vortaristo, plialtigis la nivelon de la festo.



Yvonne Siemann, germana junulino kiu nun loĝas en mezo de Tajvano studante ĉinan lingvon ankaŭ partoprenis nian feston. Ŝiaj agrabla karaktero kaj kono de tiom multaj lingvoj, faris ŝin populara gasto dum dutaga restado en Pingtung.

因爲時間的關係，大會原先設計的遊戲和年度報告無法一一進行。大會活動於下午五點準時結束。這次的世界語文化節充滿亞洲化，國際化的精神，參加者來自六個不同的國家（泰國、德國、美國、伊朗、臺灣和韓國），而其中五位韓國小朋友的參加讓活動更青春洋溢，王九逵教授，華語文學的翻譯機器；游萬來教授，Lernu 世界語學習網站(http://zh-tw.lernu.net/ )的中文總編輯，每天在 Lernu 網站漢譯每日一字；以及卓照明教授，三位教授的出席更是提昇了活動水準。

Dank' al la kontribuoj de Reza, kaj la helpo de lokaj Esperantistoj Kevin, Flora, Ingrid, Dancina, Rico, Gloria, Amy, Gigo, Yvonne kaj Cherry ktp. la restado 5taga de Koreoj kaj la Zamenhof-festo 2011 en Pingtung okazis glate kaj sukcese.

謝謝主辦活動的 Reza 老師和幾位屏東世界語者 Kevin, Flora, Ingrid, Dancina, Rico, Gloria, Amy, Gigo, Yvonne 和 Cherry 等，也特別謝謝八位韓國世界語者遠道而來,使大會增色，順利舉行。



# 我之讀世界語
# Mi lernis Esperanton

***Xiao Hong*** 蕭紅
***elĉinigis Wang JuKwei*** 王九逵

我一見到懂世界語的朋友們，我總向他們發出幾個難題，而這幾個難題又總是同樣的。

Kiam ajn mi vidis Esperantistan amikon, mi ĉiam prezentis al li malfacilan demandon, kaj ĉi tiu demando neniam ŝanĝiĝis.

當我第一次走進上海世界語協會的時候，我的希望很高。我打算在一年之內，我要翻譯關於文學的書籍，在半年之內我能夠讀報紙。偏偏 第一課沒有上，只是教世界語的那位先生把世界語講解了一番。聽他這一講我更膽壯了。他說每一個名詞的尾音是「O」，每一個形容詞的尾音是「a」……還有動 詞的尾音是什麼，還有每一個單字的重音在最末的第二個母音上。而後讀一讀字母就下課了。

Unuafoje kiam mi eniris la Ŝanghajan Esperantistan Asocion, mi esperis multe. Mi planis tiel rapide lerni la lingvon, ke mi povus legi ĵurnalon post duonjaro kaj traduki novelon post jaro. Sed dum la unua lernohoro la instruisto nur parolis pri la avantaĝoj de Esperanto, kio pli kuraĝigis min. Li diris, ke ĉiu nomo finiĝas per -o kaj ĉiu adjektivo finiĝas per -a, ..., kaj ĉiu verbo finiĝas per iu alia litero. Li ankaŭ diris ke la akcento ĉiam falas ĉe la antaŭlasta silabo. Ni lernis legi la literaron, kaj la leciono finiĝis.

我想照他這樣說還用得著半年嗎？三個月我就要看短篇小說的。

Se lia eksppliko estas vera, mi ne bezonos duonjaron lerni la lingvon. Tri monatoj sufiĉos por mi legi novelojn!

那天我就在世界語協會買了一本《小彼得》出來，而別人有用世界語說著「再見！」

Mi aĉetis la libron *Eta Petro*, kaj aŭdis aliulon diri „ĝis“ dum eliro.

我一聽也就會了，真是沒有什麼難。第二天我也就用世界語說著「再見！」

Estis facile. En la sekvonta tago mi ankaŭ povos diri „ĝis“.

現在算起，這「再見」已經說了三四年了，奇怪的是並沒有比再見更會說一句完整的話。這次在青年會開紀念柴門史誕辰八十周年紀念的 時候，鐘憲民先生給每個人帶來一本《東方呼聲》，若不是旁邊注著中國字，我那裡看得懂這刊物叫什麼名字呢？但是按照著世界語的名字讀出來我竟不能夠，可見 我連字母都忘了。

Ĝis nun mi diris „ĝis“ jam por tri-kvar jaroj. Sed mi neniam lernis diri pli kompletan frazon ol „ĝis“. En la festeno ĉe la Asocio de Junaj Kristanoj pri la 80a datreveno de naskiĝo de Zamenhof, s-ro Zhong Xianmin donacis al ĉiu partoprenanto kopion de la gazeto *Voĉoj el Oriento*. Sen la ĉinaj vortoj sur kovrilo mi ne povus scii, pri kio la gazeto estis. Mi ankaŭ ne povis legi la nomon de la gazeto. Tio montris, ke mi eĉ forgesis la Esperantajn literojn.

我爲什麼沒有接著學呢？說起來可笑得很，就因爲每一個名詞的字尾都是「O」，形容詞的字尾都是「a」，一句話裡總有幾個「O」和「a」的若連著說起來，就只聽得「OO」「aa」，因爲一 OOaa 就不好聽，一不好聽，我就不學了。

Kial mi ĉesis lerni Esperanton? Tio estis iom ridinda. Ĉar ĉiu nomo finiĝas per -o kaj ĉiu adjektivo finiĝas per -a, estas nepre pluraj o'j kaj a'j en ĉiu frazo. Tial en kohera Esperanta konversacio oni nur aŭdas o...o...a...a... Ĉar o...o...a...a... ne aperas belsona al mi, mi ĉesis lerni.

起初這理由我還不敢公開提出來，怕人家笑，但凡是下雨天我就不去世界語協會，後來連颳風我也不去，再後來就根本不去。那本《小彼得》總算勉勉強強讀完了，一讀完它就安安然然的不知睡到什麼地方去了。

Unue, pro timo esti mokata de aliulo, mi ne kuraĝis publikigi tiun kialon. Unue mi ne iris al klaso kiam pluvis. Poste mi ne iris ankaŭ kiam ventis. Fine mi ne iris en ĉia vetero. Mi pene tralegis la libron *Eta Petro*, kaj nun la libro kuŝas mi ne scias kie.

我一見到懂世界語的朋友們所提出來的難題，就是關於這「OOaa」這理由怎麼能夠成立呢？完全是一種怕困難的假詞。

La demando, kiun mi prezentas al ĉiu Esperantista amiko estas pri ĉi tiuj o...o...a...a. Ĉu ĝi estas valida kaŭzo ĉesigi la lernadon? Efektive ĝi estas nur preteksto fuĝi de malfacilo.

世界語雖然容易，但也不能夠容易得一讀就可以會的呀！大家都說：爲什麼學世界語的人不少而能夠讀書能講話的卻不多呢？就是把它看得太容易的緣故。

La facila Esperanto ne estas tia, ke oni ne devas peni lerni. Ĉiu scias, ke estas multaj Esperantaj lernantoj, sed ne multaj Esperantistoj. La kialo estas, ke ĝia facileco estas tro emfazita.

初學的世界語者們！要把它看得稍微難一點。

Amikoj kiu komencas lerni Esperanton, notu ke ĝi estas iomete malpli facila ol vi kredis.

Fonto de la ĉina teksto: http://www.angelibrary.com/essay/xw/077.htm

## 55 lernantoj, 5 kursoj, 2 instruistoj, 1 urbo
## 55 位學生，5 個班級，2 位老師，1 個城市

***Reza Kheirkhah*** 薛瑞察

En Pingtung en suda Tajvano jam de longe la koro de la Movado forte batas. Kursoj de Esperanto kaj ĉiujara Zamenhofa festo okazas nur tie kaj alilandaj gastoj kutime vizitas la urbon.

在南台灣的屏東市，長久以來都是世界語運動的脈搏強勁的心臟地帶。只在這裡開授世界語課程，也只在這裡每年舉辦柴誕節。外國朋友們也經常訪問此處。

### Kurso ĉe Komunuma Universitato: 13 lernantoj

Tiu kurso okazas la duan fojon kaj ĉi-semestre aliĝis 13, kvankam la minimuma nombro devas esti 16, sed al specialaj kursoj oni donas apartan atenton. Ĉiusemajne duhora kurso jam multe instigis la lernantojn, tiel ke ili nun korespondas kun alilandanoj kaj jam ĉiu faris propran sinprezenton.

### 社區大學課程：13 位學生

本課程在這裡是第二學期開授了。選課人數是 13 位。通常開課要求至少 16 位同學，但特別關注的課程是例外。每週兩小時的課程是一項動力，現在他們都用世界語和國外通信，也已經能用它做自我介紹。

## Kurso ĉe Pingrong lernejo: 27 lernantoj

En tiu unu el la plej grandaj privataj mezalt-lernejoj en sudo de Tajvano (kun ĉ. 3000 studentoj) jam por la oka sinsekva jaro okazas Esperanto-kurso kadre de eksterkursa lecionaro. Kvankam la kutima nombro por malfermi kurson estas 40, pro subteno de la lerneja sekretario la kurso kun kiom ajn da studentoj ĉiujare estas malfermita. Ĉi-jare ni uzas la lernolibron *Esperanto per rekta metodo* (de Stano Marček) kaj krome ni lernas per *lernu!*-paĝaro kaj jam komencis kontakton kun eksterlando pere de ĝi kaj ankaŭ papera korespondado.

屏榮高中：27 位學生

屏榮中學是南台灣最大的私立中學之一，學生共有約 3000 人。這裡已連續八年以課外課程方式開授世界語了。雖然通常課外課程要求至少四十人才能開課，但由於學務處的青睞，本課程每年都開得成。今年我們使用 Stano Marček 的直接法教學，此外還透過 Lernu 的網站直接和國外聯絡。他們有時也郵寄函件。

## Kurso ĉe Fuxia elementa lernejo: 14 lernantoj

Por la unua fojo almenaŭ dum la lasta jardeko (se ne en la tuta historio de la movado en Tajvano) tia kurso okazis ekde tiu ĉi semestro en Septembro. Post kelkmonata lernado (ĉefe per lecionaj filmoj de Mazi en Gondolando) la lernantoj jam havas kontakton kun similaj lernejoj en Koreio, Pollando, Francio kaj Rumanio. La internacia kontakto kaptis la atenton de la lernejo, kiu petis al la instruisto helpi pri simila interrilato por ties klubo de angla lingvo. Infanoj estas en la 5a kaj 6a gradoj (11-12jaraj) kaj mia filino Ailin, kiu studas tie ankaŭ aliĝis al ĝi.



屏教大附設實驗小學：14 位學生

至少在過去十年，（也許自從台灣有世界語運動以來）今年九月起的這種課程是第一次開設。該校是模範學校，頗受歡迎，因爲它的每項課程和每項活動都是按照教育部的框架來設計，因此它成爲本地國立大學的實驗小學。主要利用 Mazi en Gondolando 的課程影片，同學們已能和同樣程度的韓國、波蘭、法國和羅馬尼亞的同程度的學生聯繫。學校注意到這項通信後，也要求該校的英語俱樂部做類似的聯絡。學生都是五六年級的（11-12 歲）。我的女兒愛琳也參加這課程。

Komence de Decembro ĉi-jara 5 koreaj lernantoj vizitis Tajvanon por renkontiĝi kun infanoj kaj partopreni en la Zamenhofa Festo.

此外今年十二月初有五位韓國學童和三位成人來台參加柴誕節的慶典。

## Kurso en la hejmo: 5 lernantoj

Por helpi la komencantajn kaj malplirapidajn lernantojn de la komunuma universitato, ni iniciatis novan kurson ĉe mia hejmo al kiu 4 lernantoj el sama kurso kaj unu alia aliĝis. Ili ĉiudimanĉe venas por duhora lernado.

家教課程：5 位學生

爲了幫助社區大學的初學者及學習緩慢者，在我家中開授新課程，有四位同學參加。另一位也來復習世界語。本學期每星期天他們都來上兩小時的課。

Kaj la lasta kurso temas pri unu sola lernanto, Cherry, kiu estas el Filipinoj kaj nun laboras en Tajvano. Ŝi tre serioze kaj ofte memstare lernas kaj mi korektas ŝiajn ekzercojn kaj helpas pri ŝiaj lingvaj demandoj.

另外還有一個課只開給一位同學。Cherry 自菲律賓來台工作，認真自學，找我改作業並回答問題。

La kursojn mi gvidas preskaŭ ĉiam kun asisto de Ingrid Chuang, kiu estas la plej kapabla interpretisto de la internacia lingvo en la sudo de Tajvano.

Filmetoj troviĝas ĉe:

http://www.youtube.com/user/Rezamenhof?feature=mhee#p/a/u/1/KwdfjDl5E2I

http://www.youtube.com/user/Rezamenhof?feature=mhee#p/a/u/0/ouVNnmWH_SE

# La lastaj vortoj

*Reza Kheirkhah* 薛瑞察

Ni venas al la fino de tiu ĉi numero, kiu fariĝis speciala en kelkaj sencoj: ke multaj ekster-tajvanaj samideanoj verkis por ĝi; ke ĝi multe temis pri aferoj ekster Tajvano; ke niaj antaŭa kaj dorsa kovriloj estas dediĉitaj al Japanio kaj Koreio...




La fakto ke tajvananoj donacis la plej grandan monsumon al Japanio por rekonstruo, malgraŭ tio ke Tajvano estas tiom malgranda, ankaŭ iel inspiris nian movadon ĉi tie por ke ni faru tiun ĉi numeron.

Mi deziras esprimi miajn sincerajn dankojn al tiuj kiuj akceptis nian inviton verki por nia folio kaj tiel riĉigi ĝin. Sen via akcepto ni ne havus tian folion, kian vi havas nun en viaj manoj.

Plej laste, kaj plej multe, mi volus danki al niaj germanaj kunlaborantoj Sabine, kiu reviziis zorgege kaj pene, kaj Pit kiu teknike faris preskaŭ ĉion por ke tiu ĉi gazeto aperu tiom bonkvalite (kun espero ke vi legantoj samopinias kun mi!). Sen ilia helpo mi ne scias kiel, kiam aŭ ĉu entute aperus nia folio!

Helpu nin per viaj kontribuoj, sugestoj kaj eĉ kritikoj!

# Anoncoj

**2012** 年 **UEA** 會費表 (UEA membreco por 2012)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 MG: | 會員含世界語運動指引 | 6 EUR = | **260 NT** |
| 2 MJ(-J): | 會員含年度手冊 (未滿 29 歲者 [含] 前, 成爲 TEJO 會員不另加收費用並贈送 Kontakto 雜誌) | 16 EUR = | **700 NT** |
| 3 MA(-T): | 會員-訂閱者: 如 MJ(-T) 加上 Esperanto 會刊 | 41 EUR = | **1800 NT** |
| 4 MA: | 獲得年度手冊及, Esperanto 會刊 (未滿 29 歲者 [含] 並贈送 Kontakto 雜誌) | 41 EUR = | **1800 NT** |

**Beletra Almanako 2012**

BA-Jarabono 2012 (3 numeroj: BA13, BA14, BA15) **1300 NT**
Ĉiu numero enhavos inter 140 kaj 176 paĝoj.
BA13 aperos proks. en Februaro/Marto,
BA14 proks. en Junio/Julio kaj
BA15 proks. en Oktobro 2012
http://www.beletraalmanako.com/aboni/index.html

**Juna amiko**

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

**Formoza Folio**

Unu numero **100 NT**
戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724
郵局代號：700

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtkonto menciita kaj informi min.

Reza



Beletra Almanako

N-ro 12 (Oktobro 2011) – 5a jaro

ISBN 9781595692276 / ISSN 1937-3325

Redaktas Jorge Camacho (ĉefred.), Probal Daŝgupto, István Ertl




Enhavo

Prozo ............ Robin Iversen Rönnlund, Maria Nazaré de Carvalho Laroca, Francisco Javier Moleón

Poezio ............ Originale: Mao Zifu, Baldur Ragnarsson, Júlia Sigmond, Alexandrine Omba, Tim Carr; Tradukite: Yohanes Manhitu (trad. la aŭtoro)

Eseo ............ Miguel Fernández

Artikoloj ............ Flo (Floreal Martorell), Sten Johansson, Valentin Melnikov, Zlatko Tišljar, Maria Sandelin, Gerrit Berveling

Teatro ............ Georgo Handzlik

Leteroj ............ Cindy McKee

Recenzoj ............ Ricardo Felipe Albert Reyna, Jorge Camacho

Krome ............ Premiitaj verkoj de la Belartaj Konkursoj 2011 de UEA

MONDIAL NOVJORKO librejo.com

**Beletra Almanako**

ISSN: 1937-3325

Inter 140 kaj 176 paĝoj, grando pr. 21 x 13,5 cm

Mendu ĉe UEA, demandu ĉe via landa libroservo, aŭ aĉetu en multaj retaj librovendejoj.

Por pliaj informoj:
**beletraalmanako.com**

***Beletra Almanako (BA)*** estas literatura periodaĵo kun inter 140 kaj 176 paĝoj. *BA1* aperis en septembro 2007. Ekde 2009 *BA* aperas trifoje jare.

**BA estas redaktata** de Jorge Camacho (ĉefredaktoro), Probal Daŝgupto kaj István Ertl. Ĝin eldonas Ulrich Becker (Mondial, Novjorko).

**La nova numero, *BA12*** (oktobro 2011), enhavas prozon de Robin Iversen Rönnlund, Maria Nazaré de Carvalho Laroca kaj Francisco Javier Moleón; poezion de Mao Zifu, Baldur Ragnarsson, Júlia Sigmond, Alexandrine Omba, Tim Carr kaj Yohanes Manhitu; eseon de Miguel Fernández; artikolojn de Flo (Floreal Martorell), Sten Johansson, Valentin Melnikov, Zlatko Tišljar, Maria Sandelin, Gerrit Berveling; originalan dramon de Georgo Handzlik, krome recenzojn, leteron kaj premiitajn verkojn de la Belartaj Konkursoj 2011 de UEA!

# FORMOZA FOLIO
la gazeto de tajvanaj Esperantistoj


| | |
|---|---|
| **Adreso:** | Reza Kheirkhah<br>屏東市重慶路 105 號 900-73 Taiwan<br>Chung Ching Lu 105,<br>TW 900-73 Pingtung, Tajvano<br>Tel: +886-8-7326334, Fakso: 7320579 |

| | |
|---|---|
| **Retadreso:** | rezamenhof@yahoo.com |



| | |
|---|---|
| **Redaktado:** | Reza Kheirkhah |
| **Revizio kaj enpaĝigo:** | Sabine kaj Pit Hauge |
| **Ĉinaj tradukoj:** | Wang JuKwei |
| **Titolpaĝa foto:** | Huhu Uet (aŭtoro)<br>CreativeCommons-licenco |

| | | |
|---|---|---|
| **Abontarifoj:** | enlanda: | 100 NT por unu numero |
| | eksterlanda: | 3 EUR por unu numero<br>(inkluzivas sendokoston)<br>(uea-konto: mrkk-c) |

# Vizito de Koreaj element-lernejanoj

## lasis grandan kaj bonan impreson al la tajvana movado!














